


Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj: L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:
FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al:
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA ABONPREZO: Fr. 20,—
EKSTERLANDO: Belgoj 5.—

ANTVERPENO
1929

15a JARO N-ro 2-3 (168-169) FEBRUARO-MARTO 1929.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto :
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 513.74

Abonopagoj kaj aliaj Monsendoj al :
Poŝtĉeko No 1337.67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

Konstantaj kunlaborantoj : M. JAUMOTTE. L. COGEN. W. DE SCHUTTER. S-ino L. FAES
H. PETIAU. F-ino R. SPIRA. F-ino J. VAN BOCKEL. J. VAN SCHOOR. H. VERMUYTEN.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

### 18a BELGA ESPERANTO-KONGRESO.

### GENTO, 18/20 DE MAJO 1929. (PENTEKOSTO).

Estimataj Geliganoj,

Ni havas la honoron memorigi al vi, ke la 18a Belga Esperanto-Kongreso okazos en Gento de la 18a ĝis la 20a de majo proksima.

Ĉar Gento estas bela urbo, famkonata pro siaj multnombraj malnovaj monumentoj kaj siaj belaj floroj, ni ne dubas, ke multaj gesamideanoj volos profiti tiun okazon por detale viziti la urbon de Van Artevelde.

La urbestro montris sin tre favora al nia movado. Li akceptis la titolon de membro de la Honora Komitato de nia Ligo kaj promesis akcepti li mem la kongresanojn en la urbdomo.

Ĉar estas necese fari bonan propagandon en Gento, kie la loĝantaro montras sin ankoraŭ tro indiferenta al nia movado, ni varme invitas ĉiujn niajn samcelanojn iri al Gento por disĵeti la bonan semon.

Aliaflanke, niaj Gentaj amikoj nenion preterlasos por igi la kongreson plej interesa kaj agrabla.

Por faciligi la laboron de la organizantoj, ni afable petas, ke oni aliĝu senprokraste kaj ke la grupestroj bonvolu kolekti la aliĝojn kaj tuj sendi ilin al la Liga Sekretariejo: St. Lievenslaan, 60, Boulevard St. Liévin, kiu volonte donos ĉiujn necesajn informojn.

Kalkulante je la bonvola kunhelpo de ĉiuj por sukcesigi nian ĉiujaran feston, ni prezentas al vi, karaj Gesamideanoj, la esprimon de niaj plej sinceraj sentoj.

Je l'nomo de la Ligestraro :

La Ĝenerala Sekretario, La Prezidanto,

Henri PETIAU. Frans SCHOOFS.

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## ĜENERALA KUNVENO.

Gento, 19 de majo 1929.

Estimataj Geliganoj.

Ni havas la honoron inviti vin por ĉeesti la Ĝeneralan Kunvenon de "Belga Ligo Esperantista", kiu okazos en Gento, dimanĉon 19an de majo 1929 (Pentekosto), je la 11a h. matene en la salonego « CONCORDIA », Placo Hyp. Lippens. (Akceptejo).

T A G O R D O.

1. Malferma alparolo de la Liga Prezidanto.
2. Raporto de la Ĝenerala Sekretario.
3. Raporto de la Kasisto.
4. U.E.A. Agado en 1928. Raporto de la Ĉefdelegito.
5. Nia estonta agado. Organizo de la Liga Laboro
6. Diversaj komunikajoj.

---

Ni faras varman alvokon al ĉiuĵ niaj Gesamideanoj por ke ili iru multnombre al Gento, kie ili ricevos la plej afablan akcepton kaj ĝuos agrablan restadon dank'al la klopodoj de niaj Gentaj amikoj, kiuj nenion ŝparos por kontentigi ĉiujn.

Por ebligi bonan organizadon de la kongreson ni insiste petas, ke oni tuj sendu sian aliĝon.

Esperante je granda ĉeestantaro ni prezentas al vi la esprimon de niaj plej sindonemaj sentoj.

Je l'nomo de « Belga Ligo Esperantista ».

**La Ĝenerala Sekretario** — Henri PETIAU.

**La Prezidanto.** — Frans SCHOOFS.

---

## PROVIZORA PROGRAMO DE LA KONGRESO.

**Sabaton 18an de Majo :**

17a h. Malfermo de la akceptejo en Salonego « Concordia », Place Hyp. Lippens. (Kruciĝo de la Flandra Strato). (Rond Point).

19a h. Intima kunveno en la Akceptejo.

20a h. Ĝenerala Labora kunsido dum kiu ĉiu Ligano havos la okazon prezenti siajn proponojn kaj rimarkojn pri nia agado.

**Dimanĉon 19an de Majo :**

9½ h. Kunveno de la kongresanoj antaŭ la urbodomo.

10a h. Oficiala akcepto en la urbdomo.

11 h. Ĝenerala Kunveno de « Belga Ligo Esperantista » en la Akceptejo.

13a h. Fotografado de la kongresanoj.

13 1/2 h. Festeno en « Hotel Helder ». Quai des Tonneliers. (Apud la Akceptejo).

17a h. Vizito de la urbo.

20a h. Festo kun balo en la Akceptejo.

**Lundon, 20an de Majo :**

**Detala vizito de la urbo kaj promenado en la ĉirkaŭaĵo.**

9a h. Kunveno en la Akceptejo.

13a h. Komuna tagmanĝo en Hotelo Helder.

N. B. — La kongreskarto kostas fr. 10.—

La festeno fr. 25.— (sen vino), ĉiuj taksoj entenataj, la komuna tagmanĝo Fr. 15.—.

**Loĝado.** — Oni povas rezervigi al si hotelĉambrojn po fr. 10, 15, 20, k. p. por ĉiu persono. Oni ricevos rabaton dormante duope en sama lito.

Oni antaŭpagu al la ĉekkonto No 1337.67 de Belga Ligo Esperantista nur la kongreskarton kaj la festenon kaj komunan tagmanĝon; la ĉambrojn oni pagu en la hotelo mem.

Por eviti senutilajn kostojn, ni ne dissendos apartajn aliĝilojn. Ni do petas ĝentile, ke la grupestroj senprokraste kolektu la aliĝojn kaj tuj sendu ilin kun ĉiuj utilaj informoj.

**Fervoja rabato.** — La kongresanoj ĝuos rabaton de 35% je la ordinara prezo de la vojaĝbiletoj vojaĝante ĉu grupe ĉu izole. Ĉiu kongresano, kiu aliĝos sufiĉe frue ricevos do rajtigan karton por aĉeti rabate sian bileton de sia loko al Gento kaj revene.

Profitu do tiun bonan okazon viziti Genton kaj tuj aliĝu !

**Du katolikaj diservoj kun prediko en Esperanto** okazos en Gento, en la Jesuita preĝejo de la rue d'Assaut, nome : Dimanĉon la 19an, kaj Lundon la 20an de Majo, ĉiufoje je la 9a horo matene.

---

# BELGA KRONIKO

**ANTVERPENO.** — « La Verda Stelo ». — Je l'okazo de la 22a datreveno de sia fondiĝo « La Verda Stelo » organizis intiman festenon. Sabaton 2an de Februaro aro da gesamideanoj kunvenis je la 19a 1/2

en la salonoj de restoraciejo « Reĝo Alberto ». En komforta kaj bela salono ili estis akceptataj de la ĉiam kore-bonvendirante Prezidanto S-ro M. Jaumotte. Partoprenis en tiu festeno, S-ro Schoofs, Honora Prez. kaj Prezidanto de Belga Ligo Esperantista, S-ro P. Kempeneers, Vic-Prezidanto de Belga Ligo kaj Prezidanto de la Brusela Grupo Esperantista.

Eksonis la « Espero » ; en komuna samideaneco la pensoj iris al nia bona Majstro, post kio komenciĝis la festeno vera. Bona menuo kaj bona spirito. Paroladoj ne multaj sed koraj, floroj modestaj sed elokvantaj simboloj de la dankemo de la tuta « Verda Stelo » al Sinjorino Fr. Schoofs kiu dum tuta jaro ebligis la efikan laboradon. Intima kaj entuziasma dancado sekvis la festenon.

Sabaton 9an ni havis la unuan karnavalbalon de la sezono. Pli ol iam venis maskitaj kaj kostumitaj gemembroj. Estis pluraj grupetoj vere meritintaj la premiojn disdonitajn. Ankaŭ estis amuzigaj kostumoj kaj maskoj. Vera sukceso.

Sabaton 16an okazis en « Witte Leeuw » la proklamo de la rezultatoj akiritaj de tiuj gelernantoj de Sro Boeren kiuj faris la ekzamenon.

Mardon 19an malfermiĝis la 11a kurso de tiu sezono. Ĝin gvidas Fino Maria Jacobs flandralingve. Venis dudeko da lernantoj.

Sabaton 23an kantlernada vespero gvidita de Fino Cortens kunvenigis multajn gemembrojn. Dum tiu kunsido la grupo akceptis plej amike sep alilandajn samideanojn-maristojn. Je tiu okazo S-ro Fr. Schoofs akcentis la gravecon de Esperanto por la marveturantoj, kaj la efikan propagandon, kiun ĉi tiuj kapablas fari por nia movado.

BRUĜO. — Pro malsano S-ro Dervaux devis rezigni la pdezidantecon de la grupo, posteno, kiun li plenumis plej kapable kaj sindoneme dum multaj jaroj. Dank'al sia profesora lerteco kaj persona influo, li sukcesis doni al la Bruĝa grupo neordinaran viglecon. La foriro de tiu lerta Samideano estas do granda perdo por nia movado. Feliĉe, F-ino Yvonne Thooris, nia malnova propagandistino, akceptis repreni la gvidadon de la grupo, kiun ŝi jam lerte prezidis de 1919 ĝis 1925. La Komitato estas nun kunmetita jene : Prezidantino : F-ino Thooris ; Vicprezidantoj: S-ro Kolonelo De Vriendt kaj S-ino Algrain ; Legantino : F-ino Alice Boereboom ; Sekretario : S-ro Ch. Poupeye ; Helpsekretariino : F-ino Alb. Kiere ; Kasisto : S-ro G. E. Guillaume.

Por pruvi sian dankemon al S-ro Dervaux, la grupo aklame nomis lin Honora Vicprezidanto.

Sub la gvidado de F-ino Thooris kaj ŝiaj gehelpantoj, ni ne dubas ke la grupo sukcesos inde sekvi la vojon montritan de S-ro Dervaux.

Du novaj kursoj okazis komence de februaro per dudeko da lertaj gelernantoj.

GENTO. — La grupo ageme sinpreparas organizi kiel eble plej kontentige nian proksiman nacian kongreson. Oni ĝin helpu tuj sendante sian aliĝon.

LIEĜO. — La 22an de Marto la societo «Les Amis de l'Efficience» organizis paroladon de S-ro René Dechesne, Sekretario de la Esp. Grupo de Sclessin kaj Ougrée. Le temo estis : « L'Esperanto et ses Applications modernes ».

**STA NIKOLAO.** — Komence de aprilo la hora grupo denove ekfunkcios : ĝi jam decidis partopreni la festojn en Sinay kaj Belcele, kantante esperantajn kantojn.

**Verda rado.** — Invititaj de niaj Aalst'aj geamikoj multaj gemembroj ĉeestis la karnavalon en Aalst kun la gajaj geamikoj el la ĉefurbo. Dum la tuta nokto uni bonege sin amuzis kaj ĉagrenplene reveturis. Aparte ni mencias F-inon Poppe, survestitan je belega poresperanta kostumo kaj iun ĝis nun nekonatan domenion.

---

# BELGA GAZETARO

Inter la gazetoj, kiuj enhavas artikolojn pri Esperanto ni aparte citu :

« **De Scout** » — Februaro, kiu enhavas rubrikon « Por niaj Esperantistoj », kun malgrandaj tekstoj en Esperanto.

« **Entre-nous** » — Februaro, prezentas bone verkitan propagandan artikolon en formo de dialogo, de nia samideano C. Lavisse.

« **Gazet van Antwerpen** » 21.2.29, sub la titolo : « Esperanto kiel pacanĝelo » sugestas ke Esperanto estu uzata kiel ponto inter la flandra kaj valona loĝantaro de Belgujo. «Ĉu ne devus esti farata klopodoj por la disvastigo de Esperanto, sed kun la esprimita intenco forigi la malĝojan disputon, kaj ebligi pli multe da valonoj interkonsenti kun siaj flandraj kunlandanoj ? Oni devus komenci per alvoko en la gazetaro por kunlaborado. La indikitaj propagandistoj estas la Esperantistoj mem, kiuj en Valonujo kaj en Flandrujo estas sufiĉe multnombre reprezentataj, por riski klopodon en tiu direkto. Tiuj kiuj aliĝas al la ideo, kaj kiuj volas sekvi kelkajn lecionojn dum kiuj ili povas lerni Esperanton, devus interkonsenti, por prilabori la propronon kaj penadi por ĝin konduki ĝis en la haveno de la realeco. » La aŭtoro, Wannes, finas petante, ke rilatu kun li kiu ajn, kiu pensas ke li povas ion fari por doni al la idealo pli konkretan formon.

## BELGA PROPAGANDO PER ESPERANTO.

La stacio « Radio-Belgiue » de Bruselo disaŭdigis lundon 22an de Aprilo je la 20 h. 20, paroladon en Esperanto pri belga propagando. La alilandaj Esperantistoj, kiuj estas aŭdintaj tiun paroladon, bonvolu per simpla poŝtkarto informi pri tio la sendstacion, laŭ adreso : « Radio-Belgique », Bruselo.

Dume, ni povas kore gratuli tiun stacion pro tio, ke ĝi uzas la internacian lingvon por plibone konigi Belgujon en eksterlando.

## GRATULOJ

Al **Geŝinjoroj R. Kiere-Lamberts**, el Liego, al kiuj naskiĝis la 15an de Marto, filineto Suzy.

Al **S-ro Gustave Zwaenepoel**, sekretario de la Antverpena Polica Grupo Esperantista, kiu estas nomita Polic-Oficiro Inspektoro.

Al **S-ro Van der Auwera**, komitatano de la suprecitita grupo kaj membro de « La Verda Stelo », kiu estas elektita Prezidanto de la «Politieverbroedering» (Polica Frataro) de Granda-Antverpeno.

---

## NEKROLOGO

**F-ino Maria Vandenberghe**, membrino de la Kortrijk'a grupo, mortis 21jara, la 4an de Marto. Estas granda perdo por la grupo ĉar ŝi estis fervora propagandistino, senlace dissemanta en siaj rondoj.

Al **Geŝinjoroj Maurice Boeren-Lamboray**, membroj de « La Verda Stelo » Antverpeno, ni prezentas niajn plej sincerajn kondolencojn pro la subita morto de ilia filineto Gaby, kiu dum apenaŭ ses monatoj sunumis ilian hejman vivon.

**D-ro Ernst Kliemke**, Prezidanto de la Germana Esperanto-Asocio, mortis en Berlino la 20an de Februaro. Tiu pioniro de nia movado ludis gravan rolon en la vivo de Esperanto en Germanujo. Li ankaŭ akiris famon pro liaj du verkoj « Kultur und Sprache » kaj «Fürsten ohne Krone », kiujn li eldonis sub la pseŭdonimo Heinrich Nienkamp. Al la familio de la mortinta samideano kaj al la Germana Esperanto Asocio ni sendas la esprimon de nia kunsento, pro la perdo kiun ili suferas.

---

## LA BLANKULO RICEVAS NOVAN VIZIERĈAPON

**de Ernest Claes.**

La vagonaro foriris nur je la naŭa, sed jam de la duono antaŭ la oka la Blankulo 1) estis preta, lavita kaj kombita,kun dimanĉa kostumo, kaj la antaŭan vesperon li brosis siajn ŝuojn dum tuta horo. La Blankulo havis la permeson akompani sian patron, tiun dimanĉon matene, por iri al Diest aĉeti vizierĉapeton. La antaŭan dimanĉon li faligis en la Demer (2) sian plej bonan, enŝovante sian kapon inter la ferajn apogilojn de la ponto. Patrino enŝlosis lin dum duona tago en la kelo kaj patro minacis, ke li lin sendos al la pundomo de Hoogstraeten. Sed malgraŭ ĉio tiu ĉi la Blankulo ne povis kuri dimanĉe kun nuda kapo,

---

(1) Ĉar tiu knabo havis tre helblondajn harojn oni lin nomis « La Blankulo ».

(2) Demer : nomo de rivero.

ĉar la unua-komuniiĝo-ĉapo de Nis, kiun li portis dum-demajne estis multe tro malbona por iri al la meso.

Unue nova ĉapeto, kaj certe laŭ lasta modo, kun lakita viziero kaj ora rubando, due, veturi al Diest per vagonaro, kaj trie, manĝi korintokukojn kun Diesta biero, tio tute sufiĉis por ke la Blankulo konsideru la vivon je ĝia plej suna flanko.

Patrino ĵus revenis de la frumeso kaj pretigis la kafon post kiam ŝi vekis la patron. Heinke kaj Nis ne ankoraŭ estis hejme, ĉar post la frumeso ili ĉiam razigis sin ĉe Cleynen.

— «Se ci ankoraŭ perdos tiun ĉi ĉapeton, mi unu faros el saktolo», minacis patrino.

— « La alia fariĝis tamen tro malgranda,» respondis la Blankulo.

— « Tiam mi faros unu, kiu povos esti lavata... Kaj nun vi nur senĉape iros al Diest. »

La Blankulo silentis kun la certeco, ke estas neeble finvenki patrinojn, kaj pri tio li konsentis kun patro.

Tiu ĉi fine venis matenmanĝi kaj post kiam li ricevis de patrino la necesan monon li trairis la pordon kun la Blankulo, kiu sentis la vivon fluegantan tra liaj brakoj, kruroj kaj kapo. Li fajfis siajn plej gajajn ariojn, ĵetis ion al pasero, kaj, antaŭ ol ili estis ĉe la stacidomo, patro jam devis lin preni ĉe la haroj kun la minaco reiri hejmen.

La stacidomo ĉiam havis specialan allogon por la Blankulo; estis io, kio direkte rilatis kun la granda mondo ekster Sichem, kaj la personoj el la vilaĝo, kiuj tie atendis aspektis al li multe pli gravaj ol en sia dumsemajna agado. Patro ankaŭ, kiu tiel ĝuste sciis, kie kaj kiamaniere oni devas demandi la kuponojn, ŝajnis al li multe pli inteligenta ol hejme, kaj li sentis la kontraston de sia malgraveco kompare kun la scio kaj faroj de grandaj personoj.

Estis ankoraŭ multe tro frue.

Tra la fenestro, kiu donis vidon sur la peronon, la Blankulo rigardis la relojn. Li estis tiel kontenta pro tiu vojaĝeto al Diest, ke li multe timis ke, je la lasta momento, io okazus, kio fusus la aferon. Li tenis la brakojn rigide ĉe la korpo pro timo ion tuŝi kio ne povus, kaj li intencis demandi al patro, ĉu la vagonaro certe venos ; sed la personoj en la atendejo kviete sidis, kaj patro fumis trankvile sian pipon, — do kun la vagonaro ĉio estis en ordo.

Subite la kupontraboristo malfermis la pordon kaj kriis per voĉo, kiu tremigis la vitrojn: «Diest, Hasselt, Maestricht,» kaj momenton poste : « Aerschot, Leuven, Brussel ! » — Unue estis por la vagonaro iranta al Diest kaj due por tiu venanta de Diest.

Patro kaj la Blankulo iris kun la aliaj eksteren, la vagonaro fumante kaj tremegante haltis, kaj ili saltis internen. La Blankulo rekte iris ĝis la alia flanko de la malplena kupeo al la fenestro, kaj tra ĝi pasigis sian kapon. Ĝuste antaŭ li staris la alia vagonaro, kiu venis de Diest. La fako, en kiu li rigardis, estis plena je personoj dimanĉe vestitaj, kiuj en vicoj sidis, la unuj apud la aliaj, kaj kiuj ĉiuj ekrigardis lin. Li rigardis laŭlonge de la kupeoj, kaj iom pli

malproksime, kamparano ankaŭ pasigis sian kapon tra fenestro de la alia vagonaro, unue rigardis en la direkto de la Blankulo kaj poste aliflanken. Li portis sur sia kapo drapan, altforman vizierĉapon, kiel patro, kaj la Blankulo ankaŭ vidis, ke li estas senhara ĝis la kolo.

La vagonaro de la Blankulo spiregante ekmoviĝis, la knabo pli kaj pli alproksimiĝis al la elrigardanta kamparano kaj, kiel tio subite en lin venis li mem ne sciis, tiklis subite en liaj fingroj kaj brakoj — kaj ruf ! li kaptis la nigran, altan vizierĉapon de la kapo de la kamparano. La Blankulo ankoraŭ ekvidis la ruĝan, brilantan kaj senharan kapon de la mireganta viro, aŭdi poste blasfemon supersonantan la bruon — kaj jen li staris en la vagono kun fremda vizierĉapo en la mano.

La Blankulo, kvazaŭ ŝtonigita pro sia subita ago kiun li ne ankoraŭ povis klarigi al si, tio okazis tiel fulmorapide, nun timeme tenis la ĉapon en la manoj, kaj per du angorplenaj okuloj rigardis la patron. Je la lasta momento eniris en la kupeon alia kamparano, konatulo de patro, ankaŭ kun malgranda knabo. Sed patro ankoraŭ ĝuste vidis tion, kio okazis. Dum momento li mute kaj miridiotigite rigardis sian filon, fariĝis ruĝa ĝis la kolo, kaj pro kolero singultante, li tondris:

— « Sentaŭgulo, se ci (1) potvernondedoezi, tiun ĉi fojon ne alvenos en la arestejon mi pri tio nenion komprenos !...

L'angoro tiklis la Blankulon en la haroj. La kamparano, kiu estis apud patro, kaj kiu divenis la okazintaĵon, ne grave opiniis pri ĝi. Sed patro, kiu pli furioziĝis ĉar li ne libere povis eksplodigi sian koleron, prenis subite la vizierĉapon el la manoj de la Blankulo, puŝis ĝin sur lian kapton, kaj ĵetis lin maldelikate sur la benkon, en angulon de la kupeo.

— « Kaj se ci (1) gedorie, ĝin ne gardas sur la kapo, mi ĵetas cin tra la fenestron!» minacis li.

La Blankulo restis muta kiel fiŝo. Li ne ankoraŭ komprenis kiel li kuraĝis tion fari. Ne, tiun ĉi fojon ne estis lia kulpo, okazis tiel fulmorapide, sen lia volo... Kial tiu malsprita kamparano ankaŭ devis puŝi sian kapon tra la vagonfenestro?... Sed, ke tiun ĉi fojon ĝendarmoj kaj malliberejo estos miksitaj en la afero, pri tio li ne dubis eĉ momenton... Li estus ploreginta pro angoro, je tio, kio sekvos... Devis ree malsukcesi. Tiu tago ne estos tiel gajiga kiel li estis esperinta!...

La Blankulo puŝis siajn manojn en siajn poŝojn, la drapa tubvizierĉapo pendis ĝis sub liaj oreloj kaj li eĉ devis malantaŭenklini la kapon por el sub la viziero ion vidi tra la fenestro. La ĉapo terure odoraĉis la ŝviton kaj la tabakmaĉaĵon.

La alia kamparano kiu, laŭ sia elparolo, estis enloĝanto de Oxlaar aŭ ĝiaj ĉirkaŭaĵoj, estis enprofundiĝinta kun patro en vigla parolado pri aĉetado le ligno, kaj ili ŝajnis ne plu pensi pri la okazintaĵo. La fremda knabo kiu, de post kiam li eniris en la vagonaron, scivole rigardis tra la alia fenestro kaj nenion rimarkis pri tio, kio okazis, devis, de lia patro, sidiĝi apud la Blankulo. « Oni neniam scias,

---

(1) Flandra blasfemo. Elparolu « potvernondeduzi ».

(1) gedorie, flandra blasfemo. Elparolu « gedori ».

# Belga Ligo Esperantista

## 18a BELGA ESPERANTO-KONGRESO

Gento, 18-20 Majo 1929

## ALIĜILO

Subskribanto : ..................................................................................

Antaŭnomo ..................................................................................

Adreso : ..................................................................................

aliĝas al la 18a Belga-Kongreso.

Li pagas : la kongreskarton .............................................. Fr. 10.—

la festenkarton .............................................. „ 25.—

la komunan tagmanĝon .............................................. „ 15.—

Fr. ..........

al la kasisto de la grupo : ..................................................................................

..................................................................................

al la poŝtĉekkonto 1337.67 de Belga Ligo Esperantista.

Li petas rezervi ĉambron kun .............. lito/j por .............. persono/j po Fr. .............. ĉiu persono. Li/Ŝi volas dormi en sama lito kun ..................................................................................

Doko : .............................. Dato : ..............................

Subskribo : ..............................

*Ĉi tiu aliĝilo estas sendota kiel eble plej baldaŭ al la sekretario de via grupo aŭ al S-ro Petiau, 60 St. Lievenslaan, Gento.*

# BONVOLU KONTROLI

Ĉu vi jam pagis vian Kotizon

por 1929!

— FR. 20.-- —

⁂

LA KASISTO DE VIA GRUPO ESTAS

PRETA ĜIN AKCEPTI.

---

IZOLAJ MEMBROJ BONVOLU PAGI AL

POŜTĈEKKONTO No 1337.67

DE

BELGA LIGO ESPERANTISTA.

kio povas okazi » diris li, kaj lia filo, kiu ŝajnis tre bonkonduta, tuj obeis. Estis knabo iom pli aĝa ol la Blankulo ,kun fajroruĝa vizaĝo plena de lentugoj. Lia pantalono, lia unua-komuniiĝopantalono verŝajne, — estis tiel mallonga ke liaj nudaj genuoj vidiĝis inter la ŝtrumpoj kaj la pantalontuboj. Sur la kapo li portis brunan pajlan ĉapeleton, malnovmodan, pri kiu li ŝajnis tre fiera. Li turnis ĝin senĉese de unu flanko al l'alia, kaj demetis ĝin detemp' al tempo por ĝin rigardi. Tion oblikve vidis la Blankulo el sub sia viziero, kaj li ankaŭ vidis, ke liaj genuoj ne estis lavitaj.

Li sentis lin, kiu sidis ĉe li, kaj liaj kruroj pro tio varmiĝis. Li malamis tiun fremdan knabon. Kial, li ne sciis.

Tiu ĉi ne povis deturni la okulojn de la tubĉapelo de la Blankulo. Li ŝajnis ne kompreni kial tiu vizierĉapo estas tiel granda. Tia tamen ne taŭgis por malgranda knabo ! ? Ĝis kiam la Blankulo lin subite venene rigardis en la okulojn, kio rezultigis, ke li rigardis antaŭ si.

Ne estas la afero de tiu lentugokapaĉo, pensis en si mem la Blankulo. Li koleriĝis je tiu fremdulo, ĉar li rigardis lian tubvizierĉapon, kaj li subite brute sin ŝovis ĉe lin por havi pli da loko...

Ju pli la vagonaro forrapidis, kaj la ideoj kaj okuloj de la Blankulo super la herbejoj vagadis, des pli foriĝis lia angoro.

— « Diru, subite demandis la ruĝa knabo, kial cia vizierĉapo estas tiel granda ?

La Blankulo lin rigardis per okulo malamema.

— « Kial ciaj oreloj estas tiel longaj ?» li responde demandis. Tio tamen ne koncernis lin !

La fremda knabo rigardis aliflanken. Li malrapide prenis el sia poŝo du pirojn, kaj unu serioze komencis manĝi. La Blankulo fariĝis pli milda.

— « Tie ĉi estas la Huntruoj, » li mem diris, kun unu okulo direktita al la piro, kiun la knabo tenis en la mano, kaj montrante tra la fenestro la rokecan monteton de la « Grasbosch », en kiu, laŭ la Sichem'a legendo, la Hunoj iam loĝis. Sed la alia ne ŝajnis interesiĝi je la Hunloĝejoj de la Blankulo.

La Blankulo komencis terure ŝviti ; li sentis la ŝviton degutantan sur liajn vangojn sub tiu peza kamparana vizierĉapo, sed li ne kuraĝis ĝin tuŝi pro timo, je patro. Kaj la ideo, ke li devis tre ridinde aspekti, igis, ke en la kupeo li trovis l'atmosferon plej sufokprema.

— « Nu, li mallaŭte flustris al la ruĝa knabo, kun rigardo al patro por scii, ĉu li tion ne aŭdus, ĉu mi ricevas tiun alian piron ? »

— « Por duono da cendo, respondis la alia, egale mallaŭte kaj kun rigardo al sia patro, ili kostas po du por unu cendo. »

La Blankulo ekprenis unu centimon el sia poŝo. Li posedis kvin cendomonerojn kaj tri centimpecojn; post elspezo de unu centimo restis ankoraŭ ses cendoj, — tio estis ankoraŭ plena sumo, pensis la Blankulo. « Jen ! » kaj la afero estis en ordo.

— « Kiu estas cia nomo ? » demandis la Blankulo.

— « Nele. »

— « Tion mi pensis, vidante cian vizaĝon... Ĉe nia onklo Rikus oni ankaŭ havas unu Nele »...

— « Kaj kiu estas cia nomo ? »

— « Lewie. »

Nele rigardis nun pli atente la Blankulo'n por vidi, ĉu laŭ lia vizaĝo oni ankaŭ povas rimarki, ke li nomiĝas Lewie.

— « Kie ci serĉis tiun vizierĉapon ? » li poste demandis, supozante, ke la Blankulo ne akiris normale tian grandan vizierĉapon.

— « Ŝtelita », flustrante respondis la Blankulo, « ĉu ĝi ne estas bela »

Nele lin nekredeme kaj mute rigardis.

— « Ĝi estas multe tro granda. »

— « Estas nur ideo... se mia kapo ankoraŭ iom dikiĝas, tiam ĝi estos ĝuste sufiĉe granda... Sed ĉapeleto tia, kian ci surhavas estas unu el tiuj malnovaj ĉapeloj, kiujn oni rekolorigis...»

— « Ne estas vere... estas nova de post pasinta jaro, » respondis Nele, kiu ŝajnis preta por defendi energie la honoron de sia pajla ĉapeleto.

La vagonaro pli malrapidigis sian iradon, rulis laŭlonge la remparojn kaj la unuajn domojn de Diest, kaj haltis. — La Blankulo rigardis sian patron, la angoro rekaptis lin pro tio, kio okazos pro lia petolaĵo.

— « Konservu! diris patro kun severa rigardo, « Se la ĝendarmoj tie-ĉi prete staras, ili scios, kiun ili devos preni ».

Ili elpaŝis kvarope el la vagonaro kaj pene enŝoviĝis tra la popolo al la elirejo de la stacidomo. La Blankulo ne kuraĝis rigardi el sub sia viziero pro grandega timo. Li havis la impreson kvazaŭ oni lin postkurus kun arda fero ĉe lia dorso, kaj liaj kruroj tremis pro nervemo. La ĝendarmoj ! la ĝendarmoj ! Tiuj staras ĉiam tie-ĉi apud la stacidomo, kaj li ankaŭ sciis, ke ili povas komuniki tra la fadenoj, kiuj pendas de unu stacidomo al la alia. Li unuflanke premtenis la manon de Nele en la sia, je la alia flanko li restis kiom eble plej proksime de patro... Li eĉ ne vidis, ke la personoj lin ridante postrigardis.

Tra la ligna pordeto ili fine alvenis ekster la stacidomo kaj la Blankulo, se li estus kuraĝinta, certe estus kurinta de tie-ĉi ĝis Sichem.

La du knaboj iris antaŭe, kaj la du patroj venis poste, babilante. La Blankulo malretenis nun la manon de Nele, sed la ĝeno pro lia situacio lin kaptis multe pli tie-ĉi ol en la vagonaro. Preskaŭ ĉiuj, kiujn li renkontis rigardis lin ridante, kaj fine li tiris tiel profunde sian vizierĉapon sur siajn okulojn, ke li ĵus sufiĉe vidis por ne kuri sur ion. Li nur lasis paroli Nele. — Kiam ili trairis la Sanktan-Jobkvartalon, Diest'a knabaĉo kuris dum kelka tempo apud ili demandante : « Ĉapelo, kien ci iras kun tiu kamparaneto ? » Je la angulo de la strato la Blankulo iom malantaŭenpuŝis sian vizierĉapon, ŝtelrigardis, ĉu patro estas ankoraŭ malantaŭ la angulo, kaj antaŭ ol la Diesta stratoknabo ĝin povis atendi, tiu ĉi ricevis tian piedbaton sub la spino, ke li ĝemegante flugis trans la straton. Post tio la Blankulo ree sin ŝovis apud Nele,

kvazaŭ nenio estus okazinta. Nele tute konsentis kun la Blankulo kaj konvinkoplene diris : « Vi devis lin mortbati, tiun knabaĉon ! »

Ili unue iris en « La Imperiestron» trinki glason da Diest'a biero Tiu ĉi ne gustumis al la Blankulo. Li sentis sin tro malfeliĉa, ĉar li devis konservi tiun malbelegan vizierĉapon... Kaj patro, tute ne ŝajnis rimarki, kiel ĉiuj personoj lin moke rigardis.

Poste ili iris al la meso de la dekunua, en la ĉefpreĝejo, kaj metis sin unu apud la alia malantaŭ kolono. La Blankulo, ĉe la preĝejenirejo, kaŝis sian ĉapon sub sian jaketon, kiun li zorge butonumis. Patro metis siajn okulvitrojn kaj legis en sia granda preĝolibro, la patro de Nele preĝis per rozario, kaj la Blankulo kaj Nele tenis la manojn kunigitajn sur la supra tabuleto de la preĝ-seĝo, kaj devis preĝi sur la fingroj.

Tia meso en la urbo estis tre vidinda. Ĉiuj tiuj fremdaj vizaĝoj de viroj kaj virinoj, tiuj koloraj ĉapeloj kaj kostumoj, kiuj tiel klare montris, ke ĉiuj estas riĉuloj, ne permesis al la Blankulo enprofundiĝi en siajn meditojn. Subite li ektremis... Ruĝa, senhara kapo, tri rangojn pli malproksime, altiris lian atenton !... Sed ne, estis sinjoro, kaj sur la seĝo sur kiu li genufleksis kuŝis ĉapelo. La Blankulo ree spiris, kaj rigardante tiun kapon, li ekpensis kiel povus nun fari la kamparano, kies vizierĉapon nun troviĝis sub lia jaketo. Kiom oni estos ridinta pri li! Li certe estos tiel malsaĝe aspektinta kiel li kun sia granda vizierĉapo. La Blankulo tion tre bone imagis al si !... Li subite eksentis deziron por ridi laŭtvoĉe...

— « Nu » diris li, tuŝante la brakon de Nele.

— « Kio okazas ? » demandis tiu ĉi mallaŭte.

— « Rigardi tiun senharulon!»... Nele serĉis momenton kaj tiam ankaŭ lin vidis.

— « Estas kiel la nuda postaĵo de infaneto, » murmuris la Blankulo, kaj Nele devis rapide puŝi siajn du pugnojn en sian buŝon por ne laŭte ridi.

Supre, en la plej alta navo de la preĝejo birdo subite pepis. La Blankulo supren rigardis, kaj vidis paseron ire kaj revene flugi de la antaŭhoreja balkono al la ĉefa altaro. Liaj rigardoj ĝin sekvis, brilantaj pro intereso, kaj subite io kaptislin, kvazaŭ ĉio ne estas tiel fremda. Rapide la birdeto malaperis... Kaj dum la Blankulo ankoraŭ senĉese suprenrigardis, li rimarkis subite, super sia kapo, anĝelon, kiu pendis ĉe la kolono kun etenditaj flugiloj, adorante la Sanktan Petron, kiu, sur piedestalo tre alte staris ĉe la sama kolono kaj kun pia mieno ŝajnis rigardi la Sanktan Antonion. Tiu ĉi, je la kontraŭa kolono, per rigardoj same beataj rigardis la Sanktan Petron.

Tio en si mem tute ne estis eksterordinara, sed la anĝelo super la kapo de la Blankulo perdis kruron ; la gipso el ĝi falis, kaj apud la unu dika krureto eliris el la korpo de l'anĝelo nigra fera stango.

La Blankulo glitigis sian kubuton super la seĝapogilon, kaj puŝis ĉe la brakon de Nele.

— «Rigardu... tiu lama anĝelo !... Estas certe unu, kiu rulfalis el la ĉielo...»

— Nele sekvis la rigardon de la Blankulo, kaj kiam li ekrimarkis l'anĝelon, li subite tiel laŭte kaj forte singultis, ke ĉiuj la antaŭsidantaj personoj sin returnis. La patro de Nele donis super la Blankulo baton ĉe la kapo de sia filo, dum la Blankulo movigis la lipojn kvazaŭ li pentofarus je Nia Sinjoro por ĉiuj siaj antaŭaj petolaĵoj.

Post la meso la du aliaj iris sian vojon, kaj la Blankulo kaj lia patro iris al Polleke Voets por vizierĉapo. Kiam ili eniris la vendejeton, Polleke, malgranda, dika vireto kun tremanta ruĝa mentono, demandis, kvazaŭ li estus la plej bona amiko de patro, kiel fartas la farmestrino. Li post tio afable rigardis la Blankulon, kiu, je la eliro, el la preĝejo ne plu remetis la grandan vizierĉapon, kaj diris :

— « Por ci mi havas tie ĉi belan vizierĉapeton. »

Kaj sen longa serĉado li metis sur la Blankulon brile freŝan ĉapeton kun malfleksebla, lakita viziero kaj ora rubandeto, ĝuste kiel li esperis.

— « Estas ĝuste tio, kion li bezonas, » diris Polleke Voets.

La Blankulo brilegis pro fiereco ; ĝi estis ankoraŭ pli bela, li pensis, ol la nova vizierĉapo de Fompe.

— « Ĝi ĝuste konvenas, » li tuj diris.

— « Kiom kostas ĝi ? demandis patro pripensante, kaj ne tiel entuziasma kiel sia filo.

— « Du frankojn, ĉar estas por vi, » diris Polleke kun la plej honesta vizaĝo el la mondo, — « Estas ĉiuj vizierĉapoj de du frankoj kaj duono... »

— « Kvaronon da franko vi devas depreni, » diris patro.

— « Ne, » diris la alia, «ĉar mi tiam perdus... sed glason da biero mi konsentas aldoni. » Kaj antaŭ ol patro pagis, li ricevis dek centimojn de Polleken. Post tio patro donis du frankojn, la komercisto diris ankoraŭ : «Saluton al la farmistino,» kaj ili forlasis la vendejon.

Patro kalkulis sur la strato la monon, kiu restis al li de la vojaĝo.

— « Patro, » diris la Blankulo, kiu sin sentis nun tre dankema, kaj ne plu pensis pri sia tubĉapo ĉiam ankoraŭ kaŝita sub lia jaketo, «Patro, mi diros al patrino, ke ĝi kostas tri frankojn!»

Patro ekrigardis lin flanke, duone ridetante, diris nek jes nek ne, kaj ankaŭ ne plu parolis pri la alia vizierĉapo.

En « La Imperiestro » ili renkontis Nele'n kaj lian patron, kaj Nele havis apud si sur la benko rondan ĉapelskatolon.

— « Mi serĉis la kufon de mia edzino, » diris la patro de Nele, ĉar sabaton ŝi devas iri al edziĝofesto. »

Patro ekbruligis sian pipon kaj ree mendis glason da Diesta biero, kaj la Blankulo ĝin nun trovis tiel bona, ke li lekis siajn lipojn. Li sidis apud Nele sur la benko kaj la ĉapelskatolo staris inter ili. Nele ne povis deteni siajn rigardojn de la vizierĉapo de la Blankulo.

— « Kie estas nun la granda vizierĉapo de antaŭ ne longe ? » li demandis.

— « Sub mia kamizolo, » respondis la Blankulo tre mallaŭte por ne ree atentigi la patron.

— « Tiu ĉi estas multe pli bela. » diris Nele plena je admiro.

— « Estas io alia ol cia ĉapeleto ĉu ne! »

— « Jes, sed la cia estas nur vizierĉapo, kaj la mia estas ĉapelo. » Tiam ili ĉiuj ankoraŭ manĝis du korintokukojn kaj poste reiris al la stacidomo. Ĉar estis tro frue por la vagonaro multaj trinkejoj estis ankoraŭ vizitataj kaj multaj glasoj da Diesta trinkataj, kaj la du patroj pli kaj pli enprofundiĝis en sia babilado, kaj tute ne plu sin okupis pri la du knaboj. Kaj la Blankulo komencis pripensi pri tio kion li farus el tiu drapa vizierĉapo. Ĝin ien forĵeti estus vekinta la indignon de Nele ; kaj se li lasus ĝin fali ,tiam iu povis tion rimarki kaj ĝin realporti. Ne, neniu povus tion vidi.

Nele'n tre ĝenis la ronda skatolo, kiu senĉese batis liajn krurojn.

— « Ĉu mi volas ĝin iom porti ? » demandis la Blankulo helpeme. Nele ĝoje ĝin donis.

En la lastan vendejon de la strato, antaŭ ol ili alvenis al la stacidomo, Nele, momente eniris por aĉeti sukeraĵojn.

Kiam li revenis la Blankulo trovis solvon pri la vizierĉapo.

—« Diru, Nelĉjo, li demandis, kion ci donas por tiu vizierĉapo ? » kaj prudente li eltiris ĝin el sia jaketo.

Nele ne pensis pri tiu aĉeto. Li rigardis ĝin dum moment,o pensis, ke ĝi povos ankoraŭ esti uzata de la patro dumsemajne, kaj diris:

— « Mi donas du centimojn kaj du « babbeleirs » (1) por ĝi. »

— « Por tiom ci ĝin ricevas », akceptis la Blankulo. Nele donis al li la cendon kaj la du sukerbuletojn, kaj la Blankulo helpis lin meti la ĉapon en la skatolon apud la plej bona kufo de patrino.

La reiro al Sichem okazis pli kviete. Kiel fidela kamarado la Blankulo zorgis por la skatolo de Nele, ĝin gardis apud si sur la vagonarbenko, kaj lasis zorgeme sur ĝi ripozi sian brakon. Pro tiu vera amikeco li ricevis de la patro de Nele du cendojn, kaj Nele ricevis ankaŭ ion de la patro de la Blankulo.

Kiam ili elvagoniĝis en Sichem, la Blankulo ankoraŭ atente rigardis, ĉu la senhara kamparano ne ie troviĝis. Nenio, ĉie estis kvieta.

Alvenante ekster la stacidomo li tuj redonis la skatolon al Nele, kaj sen sin okupi plue pri patro aŭ la aliaj, li kuris hejmen.

Tie ĉi li estis sur sia propra bieno.

Tradukis el la Flandra lingvo,
Lucette FAES-JANSSENS.

---

(1) Sukeraĵoj faritaj el siropo kaj butero.

# NERAKONTITA FABELO

**I. Basarabescu.**

Nenio memorigus pri la komenco de l'aŭtuno, se la folioj ne falus tiom ofte, se la arboj ne nudiĝus. La plej bela mortado en la naturo estas la mortado de l'somero. Klara ĉielo, kampara silento kaj sunkuŝiĝo, io tio ĉi estas sama kiel somero; ni rigardu nur teren, la herbon kiu havas jam sekajn trunketojn, la florojn, palajn, kompatindajn: iam bluaj, ili velkis kaj apenaŭ sin tenas sur siaj piedetoj, sekaj kiel pajlo....

La vivo brilas en la bluaj okuloj, de l'amatino. Ŝi estas kvazaŭ floro en tiu ĉi iom soleca loko, en tiu komencanta malgaja krepusko. Ŝi plenigas je feliĉo la animon de l'amato, animon silenteman, kiel la aŭtuna tago.

Ili renkontiĝas unuan fojon post lia alveturo, kaj elektis tiun malproksiman anguleton por satparoli en trankvilo. Li intencas rakonti al ŝi pri sia vojaĝo. Fojnoamaso estas ilia benko ; ŝi atendas malpacience lian rakonton kaj malkontentas, ĉar li tiom longe rigardas fajrosimilan sunkuŝiĝon. Ŝi pliproksimiĝas prenas lian manon kaj demandas heziteme:

« Kiel plaĉis al vi la maro ? »

« Dum la unuaj tagoj, rigardante la senliman vaston de l'maro, mi kapablis forpeli sopiron, pri kiu mi ne volas rakonti al vi ».

Ŝi ridetas, kaj daŭre tenas lian manon. Ŝi scias, pri kiu li sopiris.

« Nur komence », li daŭrigas, « ĉar... »

Ŝi iĝas maltrankvila.

« ...Ĉar la maro estas avida, ĝi englutas ĉion, ĝi englutis ankaŭ sopiron mian ».

Depost tiu momento ŝi forŝovas lian manon kaj streĉas sian volforton por ne ekplori. Li daŭrigas :

« Iafoje la maro estis furiozega. Mi ektimadis. Teruraj ondegoj rulis rekte al la bordo kaj superŝutadis ĝin per blanka ŝaŭmo. Verdire, mi ne estus restinta tie, sed tio havis iun timigan ĉarmon. Mi tremadis, sed kvazaŭ infano, mi la tutan vivon estus aŭskultanta la belegan fabelon de la ondegoj. Post tri tagoj la maro trankviliĝis. Matene, malsuprenirinte al la bordo kaj ekvidinte la maron brilantan, sunreflektantan, mi restis sen movo kaj ekkredis tiumomente je la beleco de la primaraj kantoj, je la rakontoj de la maristoj.

La sekvantan tagon la maro estis same trankvila, kaj tiun tagon, karulino, mi nevolonte iris for de la bordo, ĉar mi jam ne estis sola...»

Pro maltrankvilo ŝi apenaŭ povis demandi :

« Kun kiu do vi estis ? Vi fantazias ? »

« Kiom multe vi volas scii ! Sed, ĉar mi ja promesis, mi daŭrigas... Ne forgesu, ke mi diros nur la veron. Mi renkontis ŝin vagantan, same kiel mi, sur la marbordo. Depost tiam ĉiutage ni kune pasigis tutajn horojn. La maro ne instigas al parolo, estas nepriskribebla ĝuo simple rigardi la glataĵon de la maro, pensante preskaŭ pri nenio.

Li silentis minuton kaj ekrigardis ŝin. Ŝi ploris. La lasta radio de l'malaperanta suno tremis sur ŝiaj larmoj.

« Se estas malagrable al vi, mi ne plu rakontos ».

« Ne, rakontu, rakontu. Mi plezure aŭskultas rakontojn pri la maro ».

Ĉe tiuj ĉi vortoj, ŝi eksidis tute malproksime de li. Li rigardis en ŝiajn okulojn, brilantajn pro ĵaluzo, alproksimiĝis kaj prenis ŝin je la mano.

La suno malaperis.

« Mia kara ! Amata ! La estaĵo, kiu igis min dronigi en la maro la sopiron kaj resti tiom longe for de vi, havis bluajn okulojn, mildan voĉon kaj estis bela kiel anĝelo. Ne foriru !... Du vortojn ankoraŭ, kaj mia fabelo estos finita. Ŝi igis min senpacience atendi la matenon kaj veni al marbordo plena, je atendo de la renkonto. Sed ŝi ĉiam venis unue. Mi trovadis ŝin sur la sama loko, kiun ni elektis. Ho, se vi povus kompreni, kiel ŝi pasiigis, kiel ŝi ĉarmis min... »

« Do vi trompis ŝin, mensogis al ŝi. Se vi tiom amis ŝin, kial do vi veturis for de ŝi ? Pro kio vi estas ĉi tie ?... Ĉu vi ne malĝojis, forlasante ŝin ? »

« Ne, mi sopiris nur pri la maro ».

« Ĉu vi ĉesis ami ŝin ? »

« Neniam. Mia amo restis senŝanĝa. Kaj tamen, la tago de mia forveturo estis kvazaŭ festotago ».

« Mi komprenas. Vi forveturis kune ? »

« Ne, mi forveturis sola. Mi renkontadis ŝin nur kiam mi estis sola, kaj sola mi estis nur ĉe la marbordo ».

« Diru do al mi, kiu ŝi estas ? »

« Kiel ! Ĉu vi ankoraŭ ne divenis, infano ? Tiu estaĵo kun bluaj okuloj, kun milda parolo, kiu scipovis forigi ĉe mi la pensojn kaj sopiron pri vi, tiu, kun kiu mi travivis novan vivon ĉe la marbordo, estis via imago, mia amatino ; via imago, kiu neniam forlasis min, kiu plenigis mian revadon. Per ĝi sola mi forigis la sopiron pri vi, frenezigan sopiron, kiun forigi povis nek la maraj ondoj, nek la floroj, nek la suno, nenio !... »

Nun ne plu estis certe : ĉu ŝi ridas aŭ ploras. Vidi tion estis neeble, ĉar la suno jam delonge estis for. Ne, ĝi leviĝis, ĉar ĝiaj unuaj radioj lumis tra la fenestro de la vagono kaj donis alian direkton al la pensoj de Radu.

Li intencis tiamaniere mensogi al lia amatino. Kia dolĉa mensogo, kies postsignoj malaperas ĉe la unua jam kiso !...

« Kiom domaĝe, ke neeble estas rakonti tiun ĉi mirinde belan fabelon ! »

(El rumana lingvo tradukis
L. HARLAMB).

## ĈE TOMBO.

Ĉirkaŭ la tomb' ni staras
en nigra vest',
dum kun obtuz' subiĝas
la ligna kest'.

De temp' al temp' aŭdiĝas
ekplora plend';
tra l' poploj ploras ankaŭ
la frosta vent'.

Funebra preĝ' susuras
el pastra buŝ;
forviŝas lastan larmon
ni kun kortuŝ'.

La funebrantoj iras
ĉirkaŭ la put'
kaj ĵetas floron kiel
lasta salut'.

Ankoraŭ ŝovelpleno
da nigra ter'
kaj tegas la mortinton
nun la mister';

mistero de la vivo
kaj de la mort':
ĉu nin atendas poste
pli bona sort'?

Ni fine iras hejmen;
pluvas sen ĉes'...
Bonvenas la mortinton
nur la cipres'...

Jan VAN SCHOOR.

---

## EL LA FLANDRA LITERATURO.
### LA BILDO DE LA SANKTA VIRGULINO.

C. EECKELS (Antverpeno 1879).

Solec-malĝoje staras bild',
kun spado en la kor',
en duonluma templo, de l'
virino de dolor'.

Makulis la patrinosang'
en ruĝa la elflu',
el larĝa vundo, gut' post gut',
sur la mantela blu'.

Ruliĝis laŭ elkava vang',
malfluidiĝis plor'
jarcenta, en profunda sulk',
je guto de marmor'.

En ĉirkaŭnigra kav', l' okul'
tagnokte en senlim'
ŝajnvidas al de la amat'
la suferata krim'.

La manojn sur rompita kor'
Ŝi tenas en preĝem',
Eterne nefermata buŝ'
susuras pro ekĝem'.

En plejmalluma templangul'
solece staras ŝi,
neniam vizitata eĉ
ne de la sunradi'.

Vespere dum subiĝ' de l' sun',
flu-trilas kvazaŭ sang'
tra l'kvadratet-strekita vitr'
ĉe ŝia pied', en strang'.

Sed baldaŭ ĝi ekmortas for
kaj l'bildo de dolor'
ekstaras ree en mallum',
la spado en la kor'.

trad. Hector VERMUYTEN.



"MEDITADO„ DE RIK SAUTER.

Nia samideano Rik Sauter organizis kun granda sukceso ekspozicion de siaj verkoj en la Urba Festsalono de Antverpeno, inter kiuj estis la artplene skulptita portreto de D-ro Zamenhof, de kiu estas ankoraŭ haveblaj medaljonoj ĉe Belga-Esperanto-Instituto, Antverpeno.

---

# LA ARTEFARITA SILKO

**Parolado farita antaŭ la membroj de « Brusela Grupo Esperantista »**

Mi tre certe pli interesos la Sinjorinojn ol la Sinjorojn, elektante tiun ĉi temon. Tamen, mi petos ankoraŭ la atenton de ĉiuj, kiuj bonvolas aŭskulti min, ĉar se la artefarita silko estas precipe uzata en la komercaĵoj interesantaj la Sinjorinojn, la Sinjoroj ne povas resti indiferentaj pri la afero, se estus nur por protekti sian monujon, kiam ili devos pagi novan tualeton al siaj edzinoj aŭ... amikinoj.

## HISTORIO.

Permesu unue, ke mi diru iom pri la historio de tiu materio.

La ideo de la fabrikado de la artefarita silko ne estas nova, ĉar Reaumur (kreinto de la termometro), parolis jam pri tio en 1784 en raporto pri la historio de la insektoj. Tamen, nur en 1855 la unua patento estis petata de Audenars el Lausanne por la fabrikado de fadenoj kun « Nitrocelulozo » solvita kun aldono de kaŭĉuko.

Sed oni devos ankoraŭ atendi ĝis 1882 por ke la ideo prenu praktikan formon, kiam oni komencis uzi tiujn fadenojn por la fabrikado de inkandesklampoj.

En 1885, la franco Chardonnet sukcesis perfektigi proceđon, kiun li elmontris dum la ekspozicio de 1889 en Parizo. Tie, li ricevis grandan premion. Oni do povas diri, ke Chardonnet estas la vera kreinto de la artefarita silko kiu, post perfektigoj kaj perfektigoj fariĝis la bela materio, kiun la publiko tre ofte nur malfacile diferencigas de la natura silko. Tamen, oni ne povas diri, ke nun ĝi atingis la perfekton, tial mi opinias, ke mi interesos vin, kiam mi montros la manieron por diferencigi la unu de la alia.

Je tiu epoko, 1889, oni ne povis konjekti la mirigan plivastiĝon de la artefarita silko.

La industria efektivigo kaŭzis multajn malsukcesojn, kiuj estis venkitaj nun per obstinega laboro.

## LA NITROCELELUZO.

La unua procedo de Chardonnet, kreita en 1886, konsistis el ŝpinado en la aero de solvo de Nitrocelulozo en alkoholo kaj etero, sed la rezulto similis niajn modernajn militpulvojn, kaj prezentis la samajn danĝerojn, ĉar se oni konservis la fadenojn akiritajn en iom varma ĉambro, ili povis ekflamiĝi per si mem aŭ eĉ eksplodi.

Por eviti tiujn danĝerojn, oni uzis kelkajn diversajn rimedojn tro teknikajn por ke mi prenu vian tempon por ilia klarigo.

La unua fabrikejo estis kreita de Chardonnet en Besançon (Francujo) sed la komenco estis tre malfacila. Tie ĉi ankoraŭ, mi ne devigos vin sekvi la tutan progresadon de la fabrikado ; tio prenus tro da tempo, kaj mi nun diros nur, ke la procedo de Chradonnet estas ankoraŭ uzata en la belgaj fabrikejoj kiel Tubize kaj Obourg, same kiel en Francujo, Polujo kaj Usono.

La krudaĵo uzata por la fabrikado estas la kotono. Mi diros ankoraŭ, ke la produkta kosto de la silko el Nitrocelulozo estas tre alta, tial tiu procedo fariĝas malpli uzata precipe en Belgujo kie oni anstataŭas ĝin iom post iom per alia procedo nomita « Viskczo » pri kiu mi parolos post kelkaj momentoj.

## KUPRA AMONIAKA PROCEDO.

La dua procedo estas tiu nomita : Kupra amoniaka. Tio estas celulozo solvita en solvaĵo de kuproksido kaj amoniako (liqueur de Schweitzer), solvanta la kotonon kaj konita de longa tempo de la

hemiistoj. Ĝi estis eltrovita en 1890. Precipe studita en Germanujo kaj fabrikita en Francujo, en Givet, nun la procedo, same kiel la lasta, estas publikapartenaĵo. Tie ĉi ankaŭ, la krudaĵo estas la kotono, precipe forĵetaĵoj aŭ ĉifonoj de kotono. Lu kuprasilko kiu estis progreso super la Nitroceluloza silko ne plu estas fabrikata en Francujo, sed ankoraŭ iom en Germanaj fabrikejoj.

## LA VISKOZO.

Mi alvenas al la Viskozo, la tria eltrovita, kaj nun la plej uzata el ĉiuj. Patento estis petata en 1895 kaj oni uzas ĝin por la artefarita silko post 1898. En Francujo, preskaŭ ĉiuj la fabrikejoj fabrikas la Viskozan silkon.

Nuntempe, tiu procedo estas la plej ekonomia, tio estas certe la kialo de ĝia sukceso en la komerco, kaj oni povas diri ke ĝi preskaŭ anstataŭas la antaŭajn.

La krudaĵo estas la paperpasto, do ligno, kaj vi vidas, Sinjorinoj, ke, kiam vi surhavas robon el artefarita silko, vi povas diri, ke vi estas vestita per ligno.

Nur post multaj malfacilaĵoj oni fine sukcesis malfluidigi kaj ŝpini la viskozan fadenon, ĉar en la unuaj tempoj estis akrega problemo.

Oni efektivigas la ŝpinadon per kunpremo de la solvaĵo en platenaj aŭ neoksidemaj metalaj fadenigiloj : la ŝprucaĵo estas ricevata en solvo kiu malfluidigas ĝin. Ĉiu fadenigilo konsistas el 12 ĝis 18 aperturoj. Post la malfluidigo oni kunigas ĉiujn fadenojn en ununura kiu ĉirkaŭvolviĝas sur bobeno. La fadeno estas tre brila, kiel cetere la aliaj.

Dum la ŝpinado, tre danĝera gaso eliĝas: pro tiu kaŭzo, la maŝinoj estas lokitaj en vitraj kaĝoj, kaj potencaj ventoliloj fortiras tiun gason tra kamenoj ĝis ekster la fabrikejo.

## ACETATO DE CELULOZO.

La lasta eltrovita estas la silko je la Acetato de Celulozo, kreita en 1904 kaj nomita ankaŭ « Celanezo ».

La krudaĵo estas la kotono sed laborita laŭ tute, malsama maniero kiel la Nitrocelulozo. La prezo de la fabrikado de tiu ĉi estas la plej alta el la diversaj procedoj. Sed por diri la veron, estas ankaŭ la plej bela materio. Ĝi estas la plej maldika fadeno sed tamen ne tiel maldika kiel la natura silko, tial ĝi estas ne tiel fleksebla kiel la natura.

La brilo de la artefarita silko superas tiun de la natura silko sed kun vitreca aspekto. Per la influo de la akvo, la artefarita silko multege ŝveliĝas kaj ĝia solideco estas tre malgrandigata ; tio kaŭzas grandajn malfacilaĵojn por la tinkturado kaj la glazurado de la ŝtofoj. Tiu perdo de forteco en akvo estas la plej granda difekto de la artefarita silko. Ĝis nun oni ankoraŭ ne trovis la rimedon kontraŭ tiu difekto. Por la ŝtofoj, alia difekto estas kiam oni volas ilin gladi ; oni ne devas uzi tro varman gladilon, ĉar la ŝtofoj gluas ĉe la gladilo, kaj kompreneble, ili estas difektitaj.

Je ĝenerala vidpunkto, oni povas diri, ke estas ankoraŭ multe da

mistero en la fabrikado de la artefarita silko, sed oni esperas ke la hemio ne diris sian lastan vorton; kaj ankoraŭ kelkajn jarojn da laboro kaj pacienco, kaj certe ĝi estos perfektigita por doni tre belan teksaĵon.

La uzoj de la artefarita silko estas multegaj. Oni faras el ĝi : ŝtofojn, purajn aŭ miksitajn kun aliaj materioj ; ĉu por vestaĵoj, ĉu por kravatoj, ĉu por mebloŝtofoj, ĉu por korsetŝtofoj, ŝelkoj, k. t. p.

La fabrikado de la trikotaĵoj ankaŭ uzas grandegan kvanton da tiu materio, (proksimume 50 % de la tuta fabrikado), kaj ne estas eble citi ĉiujn komercaĵojn kiuj estas faritaj el artefarita silko, aŭ ĝin enhavas, ĉar ili estas tro multaj.

---

Nun, se vi volas diferencigi la artefaritan silkon kaj la naturan, tio estas tre simpla.

Unue, memoru, ke la artefarita estas fabrikita per kreskaĵa materio, ĉu kotono, ĉu ligno ; sed ke la natura alvenas el raŭpo, do estas besta materio.

Se vi bruligas fadenojn eltiritajn el peco de natura silko, vi rimarkos, ke ili ne brulas sed pliĝustadire, konsumiĝas, eĉ tre malfacile. Kaj poste, se vi flaros la fumon, aŭ la cindron, vi rimarkos, ke ĝi odoras iom same kiel rostita viando. La Sinjorinoj, kiuj forgesis kelkafoje la rostaĵon sur la brulanta forno, konas tre certe tiun odoron.

Se vi, male, bruligas fadenojn eltiritajn el artefarita silko, vi vidos, ke ili brulas tre facile kaj rapide. Kaj rilate al la odoro ĝi estas kvazaŭ tiu de papero.

---

Por havi ideon pri la progresado de la fabrikado de la artefarita silko, jen kelkaj ciferoj :

| | | | |
|---|---|---|---|
| En 1896 | oni fabrikis | 600.000 | kilogramojn |
| En 1905 | » » | 13.000.000 | » |
| En 1922 | » » | 36.000.000 | » |
| En 1927 | » » | 125.000.000 | » |

do ĝi marŝas per paŝoj de giganto. Kaj komparu kun la kvanto de naturo silko, kiu estas 35.000.000 kilogramoj ĉiujare aŭ proksimume de multaj jaroj. Oni kalkulis ankaŭ ke 321.000 personoj laboras en la industrio de la artefarita silko.

Por fini, mi esperas ke vi komprenis la grandan gravecon de la artefarita silko en la ekonomia vivo, ĉar ĝi prenis gravan lokon inter la tekseblaj materioj. Kaj se ĝi ne ankoraŭ estas sen difektoj, la progresado estas senĉesa kaj en la proksima estonteco, oni uzos ankoraŭ multege pli tiun ŝtofon ol nun.

Ch. LAVISSE. (Bruselo).

---

# NIA PROGRESADO

**La kooperativoj kaj Esperanto.** — La Unio de la polaj kooperativoj en Varsovio antaŭ ne longe aperigis sian raporton pri la koopera movado en Polujo en 1927. Por faciligi la komprenadon en la eksterlando, ĝi aldonis al tiu ĉi raporto resumon en Esperanto.

La japanaj virinaj kooperativoj uzas Esperanton de post pluraj jaroj. La centro de tiu ĉi organizacio, kies sidejo estas en Kobe, jam lastan jaron eldonis albumon pri la japana movado de l'kooperativoj kun klarigoj en Esperanto. ... I.E.S.

**La Poŝto kaj Esperanto.** — Pro la proksima Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazos en Budapest en la monato Aŭgusto 1929, la ministerio de PTT de Hungarlando permesis la organizon de Esperanto-kursoj per PTT-oficistoj.

La Popola Komisariejo de PTT de la Soveta Unio ĵus anoncis la aperigon de pluraj memor-poŝtmarkoj kun teksto en rusa lingvo kaj en Esperanto. Temas pri 1 poŝtmarko je la memoro de Tolstoj je 28 kopekoj kaj pri 2 poŝtmarkoj per bonfaraj celoj je 1 kaj 2 rubloj. I.E.S.

**Turismo kaj Esperanto.** — Okaze de la 21a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazos en Budapest de la 2-9 Aŭgusto 1929, la Urba Turisma Oficejo de Budapest aperigis prospekton en Esperanto, krom tio faldprospekton tre riĉe ilustritan, kun la titolo : « Budapest, la Reĝino de l'Danubo ».

Plie ĝi distribuis tre artistan afiŝon pri tiu ĉi kongreso, kiu, kiel la antaŭaj kongresoj, sendube altiros partoprenontojn de la tuta mondo.

**Reklamo kaj Esperanto.** — Je la okazo de la Miljarfesto de l'morto de Sta. Venceslao la Komitato de la Internacia Katolika Kongreso en Prago (1929) aperigis artistan afiŝon en Esperanto por altiri la intereson de la eksterlando. I.E.S.

**La internaciaj foiroj kaj Esperanto.** — Kiel en ĉiu jaro la eldono de la granda katologo de l'foiro de Frankfurt a.Main por la aŭtuna foiro de 1928 enhavas varo-liston en kvin lingvoj kaj en Esperanto. La foiro de Frankfurt kun granda sukceso nun de post preskaŭ 10 jaroj uzas Esperanton en sia reklamo kaj sia korespondado.

La foiro de Leipzig denove publikigis faldprospekton en Esperanto, kiu estis distribuita en 12000 ekzempleroj. La esperanto-fako de tiu ĉi foira oficejo organizas ĉiujare specialajn kunvenojn por komercistoj, utiligantaj Esperanton por komercaj celoj. I.E.S.

## UZO DE ESPERANTO ĈE FOIROJ KAJ EKSPOCICIOJ.

La **Mondekspozicio pri Kolonioj, Navigacio kaj Flandra Arto, kiu okazos en Antverpeno,** de Aprilo ĝis Oktobro 1930, eldonis belan okpaĝan prospekton, ankaŭ reklammarkon kun Esperanto-teksto. Alilandaj gazetoj kaj organizaĵoj, kiuj volus uzi tiun glumarkon povas peti provizon de ĝi al la Administracio de la Ekspozicio : Minderbroedersrui, 17, Antverpeno.

**La Lyon'a Internacia Foiro** (4-7.3.29) dissendis lukse ilustritan prospekton kun planoj, fotografaĵoj, kaj ĉiuspecaj informoj kaj detaloj. La libreto enhavas 16 paĝojn kaj estas vere alloge eldonita. Krom tio la Foira komitato eldonis malgrandajn afiŝetojn kaj belan reklam-sorbopaperon.

**La Budapesta Internacia Foiro** (4-13 Majo 1929) same daŭrigas sian uzon de Esperanto, eldoninte en tiu lingvo novan belan faldpros-

pekton, kartonajn kaj paperajn afiŝetojn, bele ornamitan kalendareton kaj glumarkon.

---

## LA LIGO DE NACIOJ KAJ LA TURO DE BABELO.

En la flandra ĵurnalo « Het Laatste Nieuws» de la 30-5-1928 aperis artikolo verkita de samideano, kiu subskribas: « Ni venkos ». Tiu artikolo ŝajnas al ni tiel trafa kaj tiel taŭga por la propagando, ke ni tradukis ĝin kaj eĉ nun ankoraŭ enpresas ĝin en nia organo:

« Dum la lastaj tagoj la gazetaro estis informita ke Angla teknikisto, Findlay, dank'al la malavareco de la Usona filantropo Edward A. Filehne, sukcesis la konstruadon de mireginda aparato kiu fine forhelpus la Babelan mizeron de la kunvenoj ĉe la Ligo de Nacioj.

La multekosta tempo de la tiel malavare pagataj delegitoj ne plu longe estos fuŝata, kiel antaŭe, per senfinaj, agacante sinsekvantaj tradukadoj de la paroladoj: ĉirkaŭ la tribuno sidiĝos aro da viglaj interpretistoj, kiuj tradukos la paroladojn tuj dum la oratoro estos parolanta. La miriga feino « Elektro » transportos tiam tiujn tradukajojn tra ampleksa fadenaro, kiu kondukos ilin ĉe ĉiu ĉeestanto. Ĉiu delegito ricevos aŭskulttelefonon kaj kontaktilaron per kiuj li laŭvole povos sekvi la debaton per unu el la tiel nomataj mondlingvoj (Angla, Franca, Germana, Hispana aŭ Itala).

Vere genie elpensita, sed neniu interpretisto — eĉ la plej lertakapablas sekvi kaj samtempe traduki paroladon. Ĉiu, kiu iam entreprenis tradukverkon, povis sperti kiel malfacile estas fidele redoni eĉ nur skribitan tekston, kaj scias ankaŭ ke nur bonega stenografisto-interpretisto povas sukcesi la sufiĉe samsencan resumon de ĉiuj idenuancoj de paroladisto.

... Kaj tamen, oni daŭrigos la forĵeton de miloj kaj miloj da dolaroj, por postkuri fantaziegajn fuŝrimedojn, dum la sole ebla, simplega kaj tute senpaga solvo estas tute trovita.

La multnombraj internaciaj Esperanto-kongresoj kaj la Internaciaj Kunvenoj, kiuj uzas Esperanton kiel sola traduklingvo (La Paco per la Lernejo. Prago 1926 - La Internacia Pedagogia Kongreso, Locarno 1927, kun pli ol 1000 partoprenintoj - La Internacia Interreligia Kongreso por la Paco, Amsterdam, 1928) pruvis praktike, ke la universala helplingvo tute taŭgas por la priparolado de kiu ajn problemo; dum el la provoj en multaj instruaj institutoj rezultis, ke kelkaj tagoj da studado sufiĉas por akiri ĝisfundan konon de Esperanto.

Kial do plilonge serĉi la neeblan «kvardraturon de la cirklo» anstataŭ tutsimple postuli, ke ĉiuj delegitoj ĉe la Ligo de Nacioj dediĉu iomete sian tempon por eklerni la helplingvon ,kiu aliigus la haosajn Babelajn kunvenojn en homogenaj kunsidoj, kie ankaŭ la delegitoj de malpli grandaj lingvogrupoj povus aŭdigi sian voĉon, ne estante ĉiam, kiel nun, subpremitaj de la grandaj Francaj, Anglaj aŭ Germanaj «tenoroj»?

Tradukis: C. P. el Bruĝo.

## AŬTONOMA MUZIKNOTADO.

Jam de longe la legantoj de « Belga Esperantisto » ne plu ricevis novaĵojn pri tiu majstra simpligita muziknotado, eltrovita de samideano, S-ro Jean Hautstont.

Du sciigoj estas tamen citotaj en la propagando por tiu notado; 1e kurso pri solfeĝado en tiu sistemo estis organizita en la « Centro catolico de Gijon (Hispanujo), ekzameno okazis la 2an de Majo 1928 kaj 20 junaj gelernantoj sukcesis. Ilia portreto estas donita sur kartono koniganta la diversajn fakojn instruitajn en tiu « Centro », inter kiuj estas ankaŭ citita Esperanto. Estas cetere la propagando farita en « Belga Esperantisto » por la A.M.N. kiu incitis la estraron de l'«Centro» organizi solfeĝkurson. Gvidanto estis S-ro Francisco M. Rua.

2e la Internacia Asocio por la propagando de l'Aŭtonoma Muziknotado ĵus eldonis bonegan propagandan flugfolion en Esperanto, donantan ĉiujn klarigojn pri la demando de la reformo de l'muziknotado kaj pri la A.M.N. mem, sur unu paĝo. Ĝi estas havebla ĉe la Asociestro, S-ro L. Cogen, Drève 52, Ninove, Belgujo (aldoni al la peto poŝtmarkon por respondo).

## SIGNALADO DE LA LINGVOJ.

Dum februaro 1928 estas starigita la « Asocio belga de l'internaciaj organismoj por faciligi en ĉiuj landoj la restadon de l' fremduloj» (Belga ŝtatgazeto no 142, de l' 18-2-28). La iniciatintoj estas specialistoj en la turista, hotela, industria, komerca kaj lingva kampoj, do personoj kiuj bone komprenas, kia grava barilo por la internaciaj rilatoj estas la lingva diverseco kaj kiuj serĉis rimedon por plifaciligi tiujn rilatojn per signalado de la lingvoj konataj de l'vojaĝantoj kaj de l' personoj deĵorantaj en la supre cititaj kampoj. Por tio ĉiu persono interesata portus en la butontruo de sia vesto (por la virinoj eble per pinglo) emajlan aŭ celuloidan diskon sur kiu ĉiu lingvo parolata de la portanto estus montrata per speciala koloro laŭ interkonsentita « kodo» internacia.

En flugfolio pri tiu Asocio estas dirite, ke la vera solvo de tiu problemo estus la ĝeneraligita uzado de Esperanto, sed ke, atendante tiun ĝeneraligon, oni povus uzi la kolorojn de la kodo, en kiu cetere Esperanto mem ne estas forgesita, ĉar ĝi estas montrita per blanka koloro kun verda steleto. Angla lingvo estas montrita par ruĝo, franca per ĉielbluo, itala per palverdo. Persono konanta tiujn kvar lingvojn havus do diskon kvarfakan kun, en ĉiu fako, unu el la respondantoj koloroj. La kodo jam montras kolorojn por 31 ĉefaj lingvoj.

La disko pligrandigita povus fariĝi elpendigilo por komercaj domoj, hoteloj, k.c. por montri la tie parolatajn lingvojn.

Speciala kodo estas kreita por, al la unua, aldoni la simbolojn montrantajn la industriojn kaj ceterajn metiojn kaj profesiojn, kaj, por duagradaj lingvoj kaj dialektoj ekzistas tria kolorkodo.

Sidejo de l' nova Asocio estas en la brusela « Monda Palaco».

## LA KUNVENO DE LA BESTOJ POR ELEKTI REĜON.

La leono mortinte, ĉiuj bestoj alkuris en lian kavernon, por konsoli la leoninon, lian vidvinon, kiu resonigis la montojn kaj la arbarojn per siaj blekegoj. Farinte al ŝi siajn kondolencojn, ili komencis la elekton de reĝo: la krono de la mortinto kuŝis meze de la kunvenintoj. La leonido estis tro juna kaj tro malforta por akiri la reĝecon, sur tiom da fieraj bestoj. Lasu min kreski, ĝi diris, mi scios ja reĝi kaj min timigi miavice. Dume, mi volas studi la historion pri la belaj agoj de mia patro, por egali iam lian gloron. Koncerne min, diras la leopardo, mi pretendas esti kronota; ĉar mi similas pli al la leono ol ĉiuj aliaj pretendantoj. Kaj mi ; diras la urso, mi asertas ke oni estis farinta maljustaĵon, kiam oni al mi preferis la leonon; mi estas tiom forta, kuraĝa, viandomanĝanta kiom li ; kaj mi havas rimarkindon superecon, kiu estas grimpi sur la arbojn. Mi lasas vin juĝi ; Sinjoroj, diras la elefanto, ĉu iu povas rifuzi al mi, la gloron esti la plej forta kaj la plej brava el ĉiuj bestoj.

Mi estas la plej nobla kaj la plej bela, diras la ĉevalo. Kaj mi la plej ruza, diras la vulpo. Kaj mi la plej rapidkura diras la cervo. Kie vi trovos, diras la simio, reĝon, pli agrablan kaj pli troveman ol mi ? Mi amuzos miajn regnanojn ĉiutage, mi similas eĉ al la homo, kiu estas la vera reĝo de la naturo.

Tiam la papago parolis tiel « Ĉar ci gloras cin simili al la homo, mi tiel same povas glori min.

Ci nur similas lin per cia malbela vizaĝo kaj per kelkaj ridindaj grimacoj ; sed mi, mi similas al li per la voĉo, kiu estas la signo de la saĝo kaj la plej bela ornamo de la homo». «Silentu, malbenita parolemulo, respondis la simio ; ci parolas, sed ne kiel la homo ; ci diras ĉiam la samon, sen kompreni tion kion ci diras ».

La kunvenintaro mokis tiujn du malbonajn, imitistojn de la homo, kaj oni donis la kronon al la elefanto, ĉar li havas la forton, kaj la saĝecon, sen havi nek la kruelecon de la sovaĝaj bestoj, nek la malspritan vantecon de tiom da aliaj, kiuj volas ĉiam ŝajni esti tio kio ili ne estas. »

FENELON.

Tradukis P. kaj G. R., el Ninove.

---

## LA VULPO PUNITA PRO SIA SCIVOLEMO.

Vulpo el la montoj de Aragono, maljuniĝinta en ruzeco, volis dediĉi siajn lastajn tagojn al la scivolemo. Ĝi intencis iri vidi en Kastiljo, la faman Eskurialon, kiu estas la palaco de la reĝoj de Hispanujo, konstruitan de Filipo la IIa. Alvenante ĝi estis mirigata ĉar ĝi estis malmulte kutiminta al la belegeco ; ĝis tiam ĝi konis nur sian terneston kaj la kokejon de najbara farmisto, kie ĝi estis ordinare malbone akceptata. Ĝi vidas tie, marmorajn kolonojn, tie, orajn pordojn, diamantajn skulptreliefaĵetojn. Ĝi eniris kelkajn ĉambrojn, kies tapetaĵoj estis admirindaj: oni vidis sur ili ĉasojn, batalojn, fabelojn en kiuj la Dioj

ludis inter la homoj; fine la historion de Don Kihoto, kie Sanĉo rajdante sur sia grizharulo, iris regi la insulon, kiun la duko estis konfidinta al li. Poste ĝi ekvidis kaĝojn kie oni estis enferminta leonojn kaj leopardojn. Dum la vulpo rigardis tiujn mirindaĵojn, du hundoj el la palaco mortigis ĝin. Ĝi trovis sin malbone pro sia scivolemo.

FENELON.

Tradukis P. kaj G. R. (Ninove).

## PERLOJ AKADEMIAJ.

Iun matenon, Sro Gaston Boissier, la dumviva sekretario de la franca Akademio, vizitas Renan-on, kiu estis tiutempe en la komenco de sia gloro. Sro Boissier ŝajnis esti speciale gaja.

« Mi volas sciigi al vi, li diris al la fama filozofo, novaĵon, kiu certe malfierigos vin.

— Kiun ?

— Miaj aŭtografaĵoj estas pli altpreze vendataj ol viaj.

— Tio neniel estas mirinda, respondis Renan, kompetentmiene. Sed kiel vi scias tion ?

— Hieraŭ, en la vendosalono de la « rue Drouot », oni aŭkciis du leterojn : unu el miaj kaj unu el viaj. La via estas aljuĝita tri kaj la mia kvin frankojn.

— Tio ne estas novaĵo por mi, diris Renan, mi jam sciis tion. Sed ne estu fiera pro tio: Ĉu vi scias la kialon?

— Ne !

— Ĉar troviĝas en via letero tri ortografiaj eraroj. Mi havas tie-ĉi en mia skribejo vian po-kvin-frankoj-venditan aŭtografion. Unu el miaj amikoj, ĉeestante la vendadon kaj rimarkinte la falsajn perlojn, kiuj ornamis vian prozon, li plipropoinis kaj aŭkcie aljuĝigas ĝin al si. Li tuj alportis ĝin al mi, dirante: « Transdonu tiun-ĉi leteron al Sro Boissier. Se oni lasas ĝin cirkuli en la publiko kun ĝiaj gramatikaj ornamaĵoj, tio certe povus fari malbonon al la franca Akademio ».

S-ro Boissier tamen estis profesoro en la Franca Kolegio kaj docento en la Supera Instruista Instituto.

El « Na de School », Nr 45. — 1928.

Trad. C. Schroeyers.

## LA MERITITA REKOMPENCO.

Iam, avarulo estis aĉetinta korbon plenan je vitraĵoj kaj poste li serĉis iun personon, kiu bonvolus porti la ŝarĝeton al lia domo.

Fortika deksesjara knabo prezentis al li siajn servojn, post kio la avarulo diris : « Vi portu jam la korbon kaj aŭskultu: se vi ne deziros monon pro via penado, tio certe ne estos malutila por vi ».

« Kion mi do ricevos pro ĝi ? » la knabo scivoleme demandis.

« Mi donos al vi ion, kiu valoras pli ol mono », estis la respondo.

« Mi volas scii, kio tio estas, antaŭ al mi foriros », obstine rediris la knabo.

« Nu, mi donos al vi du saĝajn moralinstruojn, kiuj profitigos vin, dum via tuta vivo, pli ol la monero, kiun mi pagus al vi ».

« Bone », la knabo diris, « ni iru ».

Kiam ili havas post si proksimume la duonon de la vojo, la knabo petis : « Donu al mi jam nun unu el viaj moralaĵoj, se ne, mi ne plu formetos la piedon.

La avarulo konsentis kaj ekparolis : « Se iu certigus al vi, ke malsati estas pli bone ol esti satiĝinta, tiam ne kredu lin ! »

Post tiuj-ĉi vortoj, la knabo montris grandajn okulojn pro miro, sed tamen nenion diris kaj silentante daŭrigis sian vojon.

« Tie mi loĝas ! » fine diris la avarulo, montrante dometon je distanco de ĉirkaŭ tridek paŝoj de ili. La knabo ekhaltis kaj abrupte aŭdigis : « Nun la duan saĝaĵon, mi petas ! »

La respondo eksonis : « Se iu dirus al vi, ke marŝadi estas pli agrable ol veturadi, tiam ne kredu lin ! »

Tio ŝajnis tro forta al la knabo ! Li ĵetis la korbon teren, tiel ke la tuta enhavo disrompiĝis kaj kolerege li ekkriis : « Se nun iu diros al vi, ke la enhavaĉo ankoraŭ estas nedifektita, tiam ne kredu lin ! »

Post tio, li forkuregis kaj lasis la avarulon tute konfuzita malantaŭ si. Tiamaniere li ricevis sian merititan rekompencon. S. H.

El « Na de School », Nr 49. — 1928.

Trad. C. Schroeyers.

---

# HUMORO

DANKEMO. — Sinjorino (legante ĵurnalon) : Oni, diris, ke riĉa fraŭlo testamentis sian tutan havaĵon al virino, kiu estis rifuzinta edziniĝi je li.

Sinjoro : Kaj estas personoj, kiuj asertas, ke la dankemo ne estas plu en ĉi tiu mondo !

ZORGOPLENA EDZO. — Du geedzoj forkuras el sia brulanta domo. Subite la edzo diras: Bona Dio, Mario, atendu, mi tuj revenas, mi forgesis estingi la elektran lumon.

EN LA HOTELO. — Vi kalkulas al mi kandelon po tri frankoj... kaj... mi ne uzis ĝin !

— Ĝuste tiel : estas la luprezo. Se vi estus uzinta ĝin, ĝi kostus kvin frankojn.

BOTANIKAJ KONOJ. — Studento al kamparano : Ĉu vi konas tiun mirindan floron ?

Kamparano : Jes.

Studento : Al kiu familio ĝi apartenas ?

Kamparano : Al la Delponto'j, kiuj loĝas malproksime de tie ĉi.

SOLVO. — Abrahamo : Ho, Izaako, estas terure. Mia edzino trompis min kun la kuracisto sur mia kanapo !

Izaako: Kaj vi certe eksedziĝos ?

Abrahamo : Ne!... Mi vendis la kanapon !

PRUVO. — Do, vi pretendas, ke ekzistas hundoj kiuj havas pli da inteligenteco ol sia mastro?

— Jes, certe! Ili estas malmultaj, sed mi posedas tian!

PROBLEMO. — Estas mirige, iam diris grava pensulo, somere, kiam la vetero estas tiel varma, tiam la suno brilas, kaj dum la vintro, kiam ni tre bezonas ĝin, tiam ĝi ne aperas!...

HISTORIO. — La skulptisto, montrante al sia edzino ĵus modlitan buston de Napoleono : Jen estas la kapo de tiu tipo... kiu dum la batalo de... en la jaro .... Nu, vi ja scias kion mi volas diri.

La edzino: Ho, Felikso, kiel interesa estas la historio!

KIALO. — Onklino Rebekka : Kial ci ploras, Abramĉjo ?

La juna Abrahamo : Donu ŝilingon kaj mi diros al ci.

Onklino : Jen ci havas ĝin, kaj diru nun kial ci ploris.

Abrahamo : Por havi ŝilingon!...

---

## BIBLIOTEKO ESPERANTISTA.

La Ĝenerala Sekretario de Internacia Scienca Asocio Esperantista sciigas, ke la grava **Esperanto-Bibliotheko,** amasigita dum longa periodo da jaroj de S-ro Generalo Sebert, en la **Centran Oficejon de Rue de Clichy,** en **Paris,** estas translokita, kiel aparta fako, en la grandan Bibliotekon de la Pariza Komerca Ĉambro, **27, Avenue Friedland, Paris VIII**[e], tute proksime al «Arc de Triomphe de l'Etoile».

Tiu translokiĝo povis okazi nur dank' al malavara konsento de Generalo Sebert, al la favora sinteno de S-ro André Baudet, Prezidanto de la Komerca Ĉambro de Paris, kaj al senlaca klopodado de la Sekretarioj de S. A.

Ĉiuj Esperantistoj bonvolu sin turni de nun al tiu Biblioteko : tre vastan kaj plej komfortan lokon ili tie trovos por legado aŭ studado de Esperantaj verkoj, traserĉoj pri la historiaj aŭ propagandaj faktoj, pri la lernolibroj, kaj diversaj aplikoj de la lingvo Esperanto depost la unuaj jaroj de nia movado.

Jen ciferoj, kiuj montras la gravecon de la tuta kolekto de 3000 volumoj aŭ broŝuroj, reordigitaj laŭ la jenaj fakoj :

Fako A : Oficiala Gazeto : Oficiala Dokumentaro, kaj diversaj publikaĵoj de C. O. (55 volumoj).

Fako B : Jarlibroj (70 vol.).

Fako C : Oficialaj raportoj pri la Universalaj Kongresoj de Esperanto kaj Kongreslibroj (85 vol.).

Fako D : Lernolibroj (335 vol.).

Fako E : Vortaroj (140 vol.).

Fako F : Propagandaj broŝuroj (600).

Fako G : Socialaj sciencoj, filozofio, juro, religioj, ktp. (300 vol.).

Fako H : Sciencoj puraj kaj aplikataj (220 vol.).

Fako I : Komerco, turismo, internaciaj foiroj (320 vol.).

Fako J : Literaturo (600 verkoj).

Fako K : Gazetoj (240 vol.). Plus 40.000 eltranĉaĵoj de ne-esperantaj gazetoj.

La Sekretarioj de I. S. A. E. : ROLLET DE L'ISLE. — C. ROUSSEAU.

### LA ANTVERPENA HAVENO DUM 1928.

Laŭ raporto publikigita de la urbestraro venis en la havenon dum la pasinta jaro 11.333 ŝipoj kun kapacito de 23.604.559 tunoj. La meza tunkapacito estis po 2083 tunoj por ĉiu ŝipo.

La brita flago staras, kiel la antaŭajn jarojn, en la unua vico kun 5008 ŝipoj, kaj estas sekvata de la germana, kun 1873 ŝipoj. La nederlanda flago okupas la 3an lokon (kun 718), dum la franca havas la 4an (616 ŝipoj).

La trafiko de la interna navigacio donis 43487 ŝipoj kun 12.251.564 tunoj.

### REKORDO DE RAPIDA MALŜARĜADO EN LA HAVENO.

Nova pruvo estis farita pri la nekutime rapida laboro en la Antverpena haveno : La vaporŝipo « Adour », veninta el Nov-Jorko kun ŝarĝaĵo de greno, alvenis en Antverpeno la 23an de Februaro je la 18a h. La saman vesperon je la 22a oni ekmalŝarĝis la ŝipon kaj la sekvantan je la 6a horo la ŝipo estis malplena. La elpreno de 2.400 tunoj daŭris ekzakte nur 8 horojn.

---

## 21a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

BUDAPEST, 2-9 Aŭg. 1929

### EL « INFORMA BULTENO N-ro 3. »

Avantaĝo por frualiĝantoj. — La kongreskarto rajtigos al partopreno de festkunsidoj, koncerto, teatra vespero, ktp. La lokojn ni rezervigos laŭ la enveno de la kongresaliĝo, do kiu aliĝas pli frue, ricevos pli bonajn lokojn.

**Somera Universitato.** Proponojn de univ. profesoroj, scienculoj por partopreno ni povos ankoraŭ konsideri laŭ ebleco.

**Oficialaj kunvenoj.** Pri ĉio, kio koncernas la tagordon de la oficialaj kunvenoj de la kongreso, oni bonvolu senpere skribi al « Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado», 12 Boulevard du Théâtre, Genève, Svisujo.

**Pri ne kongresaj aferoj :** Ĝeneralaj informoj, korespondado, serĉoj, ktp. turnu vin al la koncerna loko (Fremduloficejo, delegito, loka societo ktp.) ne al LKK.

**Flagoj, naciaj kostumoj.** Ni jam nun petas la partoprenontojn, ke ili kunportu naciajn kaj esperantajn flagojn por elmeti ĉe ilia loĝejo aŭ porti dum promenado demonstracia. Ankaŭ kiu havas nacian vestaĵon, bonvolu kunporti ĝin ne nur por la kostumbalo, sed ankaŭ por porti dum kelkaj okazoj, promenadoj, malferma kunsido, ktp. Nacia kostumo, precipe en Hungarujo, seriozigas la festojn, fantazia havus kontraŭan efikon !

**Teatra vespero.** Oni projektas tri unuaktajn teatraĵojn. Unu originalan drameton de Baghy, unu viglan kun muziko kaj unu komedieton. Ni ripetas, la pli bonaj sidlokoj estos rezervataj laŭ alveno de la aliĝoj.

**Blindula kongreso.** Ĝi estos memstrara kaj zorgas aparte pri siaj membroj. Ni nur anoncas, ke ties partoprenontoj ricevos plenan gastigon de blindulinstitutoj kaj la kongreso de la blinduloj — okaze de la 25-a jubileo de la blindula Esperanto-movado — jam nun montriĝas, kiel plej granda ĝisnuna laŭ la aranĝoj kaj laŭ la nombro de la partoprenontoj!

**Karavanoj.** — Oficialajn karavanojn aranĝos — kun ĉiuj elspezoj enkalkulotaj — UEA kaj ankaŭ la Esperanto-Fako de R. Mosse, Berlin.

La Esperanto-Fako de la firmo Rudolf Mosse, Berlin, aranĝos alkongresan karavanon konsistontan el du partoj. La unua parto foriros la 28-an de julio vespere el Berlin (aŭ la 29-an matene el Nürnberg), kaj ĝia vojo kondukos tra Linz kaj de tie sur Danubo ĝis Wien (partopreno en la Antaŭkongreso), fine de Wien ĝis Budapest ree sur Danubo La dua parto foriros la 30-an de julio posttagmeze el Berlin (aŭ Dresden) per fervojo ĝis Wien (Antaŭkongreso); de tie ĝis Budapest kune kun la unua parto sur Danubo al Budapest. Pro detalaj informoj oni turnu sin al Rudolf Mosse, Esperanto-Fako, Rudolf Mosse-Haus, Berlin SW. 100.

La grupo de Linz dumvoje deĵoros ĉe la ŝip- kaj fervojstacioj por helpi pretervojaĝantojn kaj prizorgi tiujn, kiuj deziras resti tie. (Interesiĝantoj skribu al Dir. Karl Wanneck, komerca del. de UEA, Linz a. D., Aŭstrujo, Weiszenwolfstr. 31).

**Rabatoj.** Vizorabatoj, favoraj prezoj sur la ŝipoj kaj vagonaroj hungaraj estas jam promesitaj, sed la pritraktado ankoraŭ ne finiĝis, ĉar ni esperas atingi la plejeble altan rabaton kaj nur post la fikso de la procentoj ni sciigos la detalojn.

## INFORMA BULTENO N-ro 4.

**Ŝanĝoj en LKK.** Pro sia ofica trookupateco eksiĝis S-ro D-ro Julio Lukács. Kiel nova ano eniris S-ro Teodoro Kovács.

**Provizora programo :**

| | | | |
|---|---|---|---|
| 2. | aŭg. | vendredo. | Interkonatiĝa vespero. |
| 3. | » | sabato. | Matene : Malfermo de la Somera Universitato.<br>Vespere: Solena malfermo de la Kongreso. |
| 4. | » | dimanĉo | Pmeze : Koncerto de la blinduloj.<br>Vespere : Kostumbalo kun ciganmuziko. |
| 5. | » | lundo. | Matene: Giesswein memorfesto.<br>Vespere: Hungara artvespero. (Prezentado de kantoj en Esperanto, muziko kaj danco). |
| 6. | » | mardo. | Tuttaga ŝipekskurso al Visegrád (aparte pagota.) |
| 7. | » | merkredo. | Vespere : Teatra prezentado: 1. Unuakta originala dramo de J. Baghy. 2. Unuakta vilaĝa idilio (muzika). 3. Burleskaĵo unuakta. |
| 8. | » | ĵaŭdo. | Vespere: Koncerto sur la Margaretinsulo. |
| 9. | » | vendredo. | Fermo de la Kongreso.<br>Komenco de postkongresaj ekskursoj al la provinco, Lago Balaton ktp. |

**Fakaj kunvenoj.** Personoj, intencantaj kunvoki fak-kunvenojn, estas petataj kiel eble plej frue informi LKK.-on. Ĝis nun estas anoncitaj kunvenoj de bahaistoj, fervojistoj, kuracistoj, oomotanoj, poŝt- kaj telegrafistoj, studentoj kaj vegetaranoj.

**Pri la kotizo** ni sciigas, ke la kotizoj publikigataj en la 1-a bulteno estas nur la proksimumaj egalvaloroj de sv. fr. 25.— (la oficiala kotizo) aŭ Pengoj 28.— La LKK kompreneble akceptas de ĉiuj la precizan egalvaloron sen la rondigo. Tamen nin plej frue kaj plej facile atingas monsendoj en pengo-valoro per poŝtmandatoj!

**Donacoj.** Ĉar la organizaj elspezoj estas tre grandaj, la LKK sin turnas al ĉiuj samideanoj, petante monsubtenon por plibonigo de nia mezeŭropa manifestacio.



**Loĝigo.** Kiel ni jam anoncis en la 2-a bulteno, la loĝigon aranĝos la Fremdultrafika Oficejo de la Ĉefurbo Budapest, sed interesiĝantoj turnu sin nur al la LKK, kiu kolektos la mendojn de loĝejoj precipe per la apartaj mendiloj aperontaj en «Hungara Heroldo». Urĝa anonco estas konsilinda. Oni certigas al ĉiuj, kiuj jam nun ensendas por 2 tagoj la luprezojn, la loĝigon laŭ la prezoj anoncitaj en la 2-a bulteno.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Ia klaso | P | 10— | 12.— | prezoj kun matenmanĝo |
| IIa » | P | 8— | 9.— | en hoteloj aŭ laŭ deziro |
| IIIa » | P | 6— | 7.— | en pensionoj ! |
| IVa » | P | 4— | 5.— | |

La LKK transdonas la antaŭpagon al la nomita Fremduloficejo kaj la kongresanoj faros la pluan kalkulon post la alveno tie, kie ili loĝos, pri kio la ĝustatempe sinanoncantoj ricevos apartan sciigon antaŭe.

**Por karavanoj**, se ties partoprenantoj 2, 3 aŭ 4 loĝos kune, ni povas havigi pli favorajn prezojn, sed estas ankaŭ por tiuj necese urĝe rezervigi ĉambroĵn en hotelo aŭ pensiono.

**Blindulkongresanoj** povos senpage loĝi en la blindulkongresejo (ŝtata blindullernejo) kaj ricevi manĝojn por propraj kostoj de la lernejo. Informoj en Brailo-preso en la «Kalendaro de Belhoro».

**Blindula kaso.** Dezirante helpi al la blinduloj la aranĝon de sia Blindula-Kongreso, LKK starigis blindulan kason kaj petas mondonacojn.

**Antaŭkongresoj** okazos en Praha kaj Wien, Detalojn petu rekte de ties organizantoj.

**Karavanoj.** Ĝis nun anonciĝis karavanoj:
Universala Esperanto-Asocio, 12, Boul. du Théâtre, Genève, Svisujo.
British Esperanto Association, 142, High Holborn London W. C. 1.
Bulgara Esperantista Asocio, P. Maglov, 4, Ruse, Bulgarujo.
Rudolf Mosse, Esperanto Fako, Jerusalemer-str. 46-49. Berlin SW. 19.
Ing. M. F. Onnen, del de. UEA., La Hogo, Groothertoginnelaan 97.

Pri ĉiuj karavanaj aferoj skribu nur al la koncerna adreso. Laŭ sciigo de la Bulgara Esperantista Asocio la bulgara ministerio konsentis por la bulgaroj, kiuj iros kun la bulgara karavano, senpasportan vojaĝon al Budapest.

**Konkurso por kongresa insigno.** Ĉar al la konkurso de insignoj, anoncita en la dua bulteno, ne venis taŭgaj projektoj, la LKK aranĝas novan konkurson. Kondiĉoj: Emajla insigno kun la surskribo: XXIa Kongreso de Esperanto, Budapest, 1929. La kvinpinta verda stelo devas superregi en la projekto. La insignon oni ornamos per silka rubando (verda por la eksterlandanoj kaj trikolora por la hungaroj, ke eksterlandanoj povu ekkoni kaj laŭ necese peti informojn de la enlandanoj). Premioj: P 40.—, P 25.— kaj P 15.—. La projektoj restos posedaĵoj de la LKK. Projektoj kun nomo aŭ kun devizo estu sendotaj ĝis la 15-a de aprilo al s-ro Paŭlo Tolnai, sekretarioj de la LKK Budapest, VII, Bethlen-tér 2.

**La konkurso por la kongresa glumarko** bone sukcesis. La premiojn gajnis: I. F-ino Horváth, II. S-ro Héber, III. S-ro M. Hujàcz. La presota glumarko montras la parlamentan palacon en Budapest en vespera lumigado. Aliĝante al la kongreso mendu kaj uzu ilin! Prezo: 100 pecoj: P 1. inkluzive sendkosto.

**Albumetoj** kun 10 artaj fotopoŝtkartoj pri Budapest ankaŭ en Esperanto) P 2.50—.10 artaj fotopoŝtkartoj pri Budapest aŭ el la vilaĝa vivo P 2.— inkluzive sendkosto. — La menditaĵojn la LKK ĉiam tuj forsendas post ricevo de la mono.

**Afiŝo pri Budapest.** La foiro de Budapest eldonis en diversaj lingvoj ankaŭ en Esperanto, grandan afiŝon, montrante lokomotivon direktiĝante al Budapest. La afiŝo do bone taŭgas ankaŭ por la kongresa

propagando. Oni povas peti ĝin de la Foiroficejo (Budapest Vásár, V., Alkotmány-u. 8.) La foiro ankaŭ sendas al la petantoj senpagan esperantan prospekton pri Budapest, kalendaretojn kaj glumarkojn. Uzu ĝin por propagando!

**Laŭstata statistiko de la aliĝintoj.**

Aŭstrio 4, Belgujo, 4, Britujo, 25, Bulgarujo 1, Ĉehosslovakujo 3, Estonio 1, Francujo 3, Germanujo 12, Hispanujo 1, Hungarujo 30, Italio 3, Nederlando 4, Rumanujo 3, Saarteritorio 1, Svedujo 2, Svisujo 1, Usono 2.

Entute: 100, Ŝtatoj reprezentataj: 17.

---

# DIVERSAJ INFORMOJ

**Belga Esperanto-Instituto, K. S.** havos sian ordinaran ĝeneralan kunvenon laŭstatutan, je la 5a de Majo, 11a h., en la societa sidejo, Kleine Hondstraat, 11, Antverpeno.

**Ofico.** — Angla ŝipkontora pretendfakestro serĉas similan oficon en Antverpeno. Pli ol kvinjara spertado en Londono. Kapablas prizorgi pretendojn de ŝipkompanio aŭ helpi mardifektiĝan ekzameniston. Plej bonajn rekomendojn. Respondu al Redakcio « B. E. »

**Centra** Esperanto-Librejo. En la jara ĝen. kunveno de tiu akcia societo en Hago, la bilanco, perdo- kaj gajnokonto estis aprobitaj kaj dividendo fiksita je 6 ½ %. Kiel komisaro estis reelektita S-ro J. L. Bruyn.

**Esperantistoj-fervojistoj.** — La Esperantistoj- fervojistoj en Belgujo estas afable petataj, sendi al nia redakcio simplan vizitkarton kun sia nomo, adreso kaj la mencio « fervojisto». Ili poste ricevos presaĵojn, kiuj havas por ili specialan intereson.

**La 7a Internacia vegetara kongreso** okazos, Julio 1929, en Steinschönau (Germana Bohemio). Inter la oficialaj lingvoj uzotaj estas Esperanto.

**Poŝtkarto kun la tombomonumento de D-ro Zamenhof,** reproduktaĵo de pentraĵo de la pola artisto A. Grabowski, estas havebla ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, po b.fr. 0,50.

**Kalejdoskopo de l'Vivo** estas la nomo de nova gazeto, dumonata organo internacia de Bohema Esperanto Servo. Jarabono kun premio: B.E.S. Adresaro: B.fr. 10,50. Adreso: en Moravany (Ĉehoslovakujo).

S-ino Zöldy Istvanné, Budapesto, eldonis sub la titolo « La Tragedio de Hungarujo», kvarpaĝan kritikon pri la packontrakto de Trianon, verkitan de Emeriko Radvanyi, kun mallonga ekstrakto el la hungara historio de Henrio Marczall. Tiu flugfolio estas havebla ĉe suprecitita S-ino , IX, Ernö-ucca 15, 1/8.

**Antaŭkongreso en Vieno kun Malfermo de Internacia Esperanto-Muzeo** okazos de la 29a de Julio ĝis la 1.a de Aŭgusto. La partoprenantoj ĝuos rabatojn sur la fervojoj kaj Donaŭ-ŝipoj. La kotizo estas

fiksita je 7 Aŭstraj Ŝilingoj. Detalojn oni petu ĉe la organiza komitato: Annagasse 5, Vieno I.

**Katolika Esperantista Junularo-Asocio** organizas ESPERANTO-STUDOTAGON en Gento, la 20an de Majo proksima, kun aprobo de la Episkopo de Gento. La programo enhavas jenajn temojn: Historio de la helplingvo, Historio de Esperanto kaj la vivo de Zamenhof, la Esperanto-movado, Historio de la katolika Esperanto-movado, k. t. p. Informojn donas la sekretario de K.E.J.A., 34 avenue Voltaire, Bruselo.

---

# BIBLIOGRAFIO

**NOVA GRAMATIKA LIBRO** de la internacia lingvo «Esperanto» (por la supera kurso) de D-ro Anakreon Stamatiadis, L. K. Direktoro de Helena Esperanto-Instituto. Libro rekomendita de la Esperantista Literatura Asocio. Ampleksa gramatiko, kiu analizas ĉiujn detalojn de nia lingvo. Tiu libro tre taŭgas por tiuj kiuj deziras ĝisfunde studi Esperanton; ĝi estos bona helpilo por gvindantoj de Esperanto-kursoj. 186 paĝoj 16 x 24 cm. Eldonis Presejo P. D. Sakelario. Ateno. 1928. Prezo: ne montrita :

**LA FLANDRA MOVADO** klarigata al la partoprenantoj de la XXa Univ. Esperanto-Kongreso en Antverpeno. 12 paĝa broŝuro 13 x 18 cm. Eldono de Flandrema Grupo Esperantista, Antverpeno. Senpage disdonita.

**KONTURO DE OOMOTO.** 16 paĝa broŝureto 15,5 x 11 cm., eldonita por la propagando de la spirita movado Oomoto, de la « Oomoto-Propaganda Oficejo, Kameoka Kioto-hu, Japanujo.

**PSIKO.** Vol. 1. N° 1. Aprilo 1928. Redaktanto Junka Sibata. Administrejo Psiko-Sha, 1870, Kinuta-Okura, Kitatama, Tokio. Prezo por 1 n° 1 respondkupono. Abono por 12 numeroj: Sv. fr. 2,—.

**KONSILOJ AL ESPERANTO-INSTRUISTOJ.** Broŝuro 16-paĝa, eldonita de Esperanto-Instituto de Estonio, Tallinn. 1928. KONSILOJ REKOMENDOJ KAJ KLARIGOJ por la kandidatoj al la Esperanto-ekzamenoj, aranĝataj ĉe la suprecitita Instituto. Sespaĝa folio. Prezo ne montrita.

**SANKTA VENCESLAO** - Patrono de Ĉeha Nacio. - Lia vivo, martira morto kaj gloro. Broŝuro de 32 paĝoj 12,5 x 20 cm. eldonita 1928 de la Komitato por festoj de miljara jubileo de Sankta Venceslao, kiuj okazos en Praha 26-29 Sept. 1929. La komitato ankaŭ eldonis belan afiŝon kun Esperanto-teksto. Broŝuro kaj afiŝo estas senpage riceveblaj, skribante al la adreso de la komitato: Josefska 8, Praha III.

**XIII CONGRES INTERNATIONAL DE STENOGRAPHIE** - Bruselo 4-8 Aŭg. 1927. Lukse eldonita raporto franclingva kaj ilustrita pri la internacia kongreso de stenografio, dum kiuj niaj Esperantistoj-stenografiistoj havis la okazon fari bonegan propagandon por nia lingvo, pri kiu nia revuo siatempe parolis.

**MONDPACO KAJ SANTUNA DEMANDO.** 32-paĝa albumo kun multaj ekstertekstaj ilustraĵoj, pri la lastatempaj okazintaĵoj en Ĥinujo. Ĝin eldonis la Internacia Rilato-Komitato. Adreso: 5 Mao-Tao Strato, Nankino, Ĥinujo.

**KVIN VIVOKANTETOJ** (Menciitaj dum la XXaj Esp. Floraj Ludoj en Santa Coloma de Farnès) Tekstoj originale verkitaj de Catharina J. Roskes-Dirksen; muziko de H. Windisch-Sartowsky. Enhavas : Se la homo... La flirtemulo, Knabino, La surprizo, Majstro. - Kantoj simplaj kaj agrablaj, taŭgaj por kanti dum Esp. festetoj, kie ili certe rikoltos sukceson. Haveblaj ĉe la aŭtoroj, Anemoonstrato, 96, Hago (Nederlando) kaj Lindenstr. 25b, Berlino-Niederschönhausen (German.) Prezo: Guld. 0.90 aŭ Rmk. 1,50.

**KORO ESTAS ETA INSTRUMENT' SEKRETA...** Black Bottom en Esperanto, de Raymond Schwartz; melodio de Oktawian Kalmanowicz. Eldonita de Pola Esperanto-Asocio, Lublin, poŝtkesto 74. Prezo ne montrita.

**AELITA, AŬ LA MARSO FORMORTANTA. ALEKSEO TOLSTOJ:** Romano. El rusa lingvo tradukita de E. Pill. Per 4 bildoj ilustrita de Geo Schmidt. — 199 pĝ. 14x20 cm. Eldonejo: Heroldo de Esperanto, Köln (Germ.), Brüsseler Str. 9. — Prezo karton. RM. 3.20 (sv. fk. 4.—), duontole bind, RM 4.80 (sv. fk. 6.—).

**ILUSTRITA BIBLIOTEKO,** dua serio (n-roj 6-10): **LA MARO** - La tuta serio (5 numeroj) kostas RM 2.— (sv. fk. 2,50); duontole bindita en unu volumo 172-paĝa, kun 8 ilustraĵoj de J. Comella kaj G. Zimmer, RM 3.60 (sv. fk. 4.50). Unuopaj numeroj kostas pro RM 0.50. Eldonejo: Heroldo de Esperanto, Köln (Germ.), Brüsseler Str. 94.— Jen la titoloj de la unuopaj numeroj :

N-roj 6/7. Gerstäcker (Egruho): **La ŝipĉarpentisto.** Rakonto el la Pacifiko.

N-ro 8. **El Gorch Fock** (Jarczewski): **Navigado estas necesa.** — **D. P. Boatman: Kaprico.** — **A. Daudet** (Fischer): **Agonio de la Sémillante.**

N-ro 9. **Teo Jung : Gudrun.** Rakonto laŭ la mondfama mezepoka germana eposo.

N-ro 10. **Cunningham** (Newell kaj Sturmer): **La hantataj ŝipoj.** — **Russell** (Newell kaj Surmer): **Ŝuldpedelo sur la maro.**

**English-Epperanto Vocabulary,** eldonita de British Esperanto Association, Londono. Tiu libreto estas aldono al la angla Ŝlosilo de Esperanto. Ĝi enhavas tradukon de 3600 anglaj vortoj. Prezo : 2 pencojn.

**Clave de Esperanto.** Hispana Ŝlosilo de Esperanto eldonita de Laboratorio Farmaceutico Besoy, en Cordoba (Hispanujo).

**Nökkel til Esperanto.** Eldonita de la Esperantistaj organizaĵoj en Norvegujo. Prezo 20 öre. Norvega Ŝlosilo.

**Cheia Limbei Esperanto.** — Ŝlosilo en Rumana lingvo. Prezo : 5 lei.

**Esperanto-Sleutel.** — Ŝlosilo en Nederlanda lingvo. Eldonita de H. Blok, Profesoro de Esperanto. 7a eldono. 48 paĝoj. Enhavas la Nederlandan Ŝlosilon kaj aldonon de vortareto de proksimume 2000 tradukoj en Esperanton. Prezo : Guld. 0,125.

**Nyckel Till Esperanto.** — Ŝlosilo en sveda lingvo. Eldonita de Eldonsocieto Esperanto, Stockholm. Prezo : 10 öre.

**Esperanto. Grammatikk og Ordlister Esperanto-Norsk og Norsk-Esperanto.** — Eldonita de Norvega Esperantista Ligo, Oslo. La enhavo estas tiu de la Ŝlosilo kun aldono de Norvega-Esperanto vortareto de 2800 vortoj. Prezo : 50 öre.

**Ŝlosilo de Esperanto en Juda lingvo,** eldonita de J. Ŝapiro, Bialystok. Prezo : sv. fr. 0,20.

**ESPERANTO KAJ RADIO** de D-ro Walter Döhler, Riesa, Estro de la Komisiono por Radio-statistiko, komisiita de Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, Genève. Represo el « Das Esperanto ein Kulturfaktor », Band 8. 40 paĝoj 14 x 22 cm. Eldonis 1928 Deutscher Esperanto-Bund e.V., Berlin SW 61. Enhavas la tutan historion kaj dokumentaron pri Esperanto en la Radio-sferoj. Prezo ne montrita.

QUELQUES NOTIONS D'ESPERANTO ». — Bonega propaganda folieto por franclingvanoj. Ĉiu bona Esperantisto aŭ aprobanto de Esperanto devas fari malgrandan oferon por ĝin disdoni inter siaj konatuloj. Tiu propagandilo estis vendata dum la kongreso. Oni jam povas ĝin aĉeti ĉe la Centra Esperantista librejo, 51 rue de Cleihy, Paris XI. — 1 franca la dekon, por pli ol 100: 9 francaj fr. la centon.

**UNIVERSALA ESPERANTISTIGILO de D-ro BENSON.** Kolekto konsistanta el dek kajeretoj (10x14 cm.) de 32 paĝoj. Ĉiu kajero enhavas unu lecionon. Pli ol 2300 originalaj bildoj ilustras tiun novan lernolibron kaj helpas la encerbigon de vortoj, esprimoj kaj gramatikaj detaloj. Ni kredas, ke per tiu nova verko ĉiu iom instruita homo facile povos lerni Laŭ laŭga kaj racia plano la bildoj kaj apudaj tekstoj promenigas la lernanton tra ĉiuj malfacilaĵoj de la lingvo.

Eldonita de Benson School of Esperanto, Inc., 518 Broad Street, Newark, N. J., U. S. A. Prezo: Us. Dol. 0,25 por ĉiu leciono

Oni mendu specimenan lecionon ĉe suprecitita adreso.

**UNIVERSALA PROPAGANDILO de D-ro Benson.** - Malgranda 24 paĝa libreto (specimena Leciono), kun ĉirkaŭ 250 bildetoj. Prezo 10 ekzempleroj por Us. Dol. 0,25. Mendebla ĉe la antaŭcitita adreso.

**KION VOLAS PANEUROPA UNIO ?** 16 paĝoj 15,5 x 23 cm. Esperantigis D-ro E. Sos, Eldonis: Paneŭropa-Verlag, Hofburg, Vieno I (Aŭstrujo). - Propaganda broŝuro pri la celoj, organizado kaj evoluo de la Paneŭropo Unio. Ni tre rekomendas, ke la samideanoj, kiuj deziras esti informataj pri la tuta laborado de la suprecitita institucio, petu ekzempleron de la ĵus aperinta libreto, kiun sendas al ili senpage la eldonejo.

# RED STAR LINE

REGULAJ SERVOJ POR PASAĜEROJ KAJ SARĜOJ

INTER

## ANTVERPENO - NEW YORK
## ANTVERPENO - KANADO



v/s "BELGENLAND" 27.200 tunojn.

**trans SOUTHAMPTON**

**kaj CHERBOURG**

Krozadoj en la

Mediteranea Maro,

al la Antiloj kaj

ĈIRKAŬ LA MONDO

KUIREJO

SERVADO

KOMFORTO

Por ĉiuj informoj oni sin turnu al la

**Telegramoj : "STAR"**

RED STAR LINE

**22, rue des Peignes, ANTVERPENO**